14-a jaro. — N-ro 8-9 (162-163) Aŭg.-Sept. 1928.




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

**JARA ABONPREZO: Fr. 20,—**

**EKSTERLANDO: Belgoj 5.—**

ANTVERPENO

1928

14a JARO N-ro 8-9 (162-163) Aŭg.-Sept. 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj:
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE. L. COGEN. W. DE SCHUTTER. S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. F-ino J. VAN BOCKEL. J. VAN SCHOOR. H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## NIA XXa UNIVERSALA KONGRESO

### ANTAŬVORTO.

La tasko de gazetara sekretario de Kongresa Komitato estas triobla, unu parto de ĝi estas farota antaŭ la kongreso; ĝi rilatas la propagandan laboron por venigi la samideanojn al la granda jarfesto; dua parto fariĝas dum la kongreso; temas tie ĉi pri la konigo al la partoprenantoj kaj al la nacilingva ĵurnalistaro de la urbo kaj de la lando, kie okazas la kongreso, ĉiujn informojn necesajn. Kaj la tria parto estas farota post la kongreso, kaj mi volas ĝin nunmomente plenumi.

La L.K.K. petis min efektive doni al la partopreníntoj, sciigojn pri la okazintaĵoj de Aŭgusto pasinta.

Mi tamen pripensis, ke, kvankam nur gazetara sekretario, mi estis kunrespondeca kun la aliaj gekomitatanoj pri ĉiuj aranĝoj. Estas do tre malfacile por mi verki mem la oficialan raporton aperontan en « Belga Esperantisto », kiu estas dum la jaro 1928 la oficiala bulteno de la L.K.K..

Tiu ĉi pripenso kune kun mia profesia kaj longdaŭra maldiligenteco decidigis min ne verki tian oficialan raporton. Mi do volus peti la legantojn, ĉu ili multe riproĉus min nur tranĉi el la diversaj Esp. gazetoj kaj revuoj, ĉiuspecajn detalojn kaj opiniojn pri nia XXa Kongreso.

Mi trovas duan senkulpigon por mia maldiligenteco, en la fakto ke se mi nur uzas miajn tranĉilojn kaj mian glubroseton, la leganto havos ne mian interesitan opinion sed tiun de esperantistoj el diversaj landoj.

Kaj intertempe mi vidas jam en miaj pensoj ĉarmajn ulinajn vizaĝojn, kiuj vizitis nin antaŭ kelkaj semajnoj kaj kiuj aprobas min per kuraĝiga rideto kaj instigas min ne lacigi mian cerbon, same kiel ili kompatis mian voĉon, kiam mi dum la kongreso kriaĉis diversajn sciigojn en la akceptejo

Fortigita per tiu rideto, mi do tuj komencigos de la revuskribantoj la raporton pri la XX-a kongreso. Maur. JAUMOTTE.

* * *

ANTVERPENO.

Antverpeno! Simbola nomo. Por la dua fojo la granda belga urbo estas la loko de universala kongreso de Esperanto. De la VII-a en 1911 ĝis la XX-a pasis 17 jaroj, dum kiuj la Esperanto-movado iris laŭ sia vojo, ofte dolora. Ne jam venkis Esperanto, kaj la batalo ankoraŭ daŭras... Komence ni diris : Antverpeno! Simbola nomo. Ja, en ĝi kuŝas la marko de nia epoko: En la est-ant-a tempo, por diskonigi la ver-on necesas multe de peno. Tamen ni ne malesperu: Tute ne. Ni fine venkos la malbonan diaĵon, la kruelan giganton, kiu sub diversaj aspektoj, kontraŭstaras niajn klopodojn, kaj ankaŭ de li, ni detranĉos la manon, kaj ĵetos ĝin eble en la Skeldon, dum tria kongreso en Antverpeno, la lasta, kiu signos la finan verkon de Esperanto.

(« LA MOVADO »).

AL LA AKCEPTEJO!

Tuj, kiam oni eliras el la stacidomo, impona kiel katedralo, dum afablaj skoltoj helpas vin por porti viajn pakaĵojn, la unua afero, kiun oni vidas, estas granda arko, kaj la unua vorto, kiun oni legas, estas : Bonvenon!

La dua aĵo vidata, ĉe la angulo de strato, estas sago desegnita sur tabulo fiksita sur fosto, kaj la dua vorto legata supre de la desegnaĵo estas: Akceptejo. Bone. Ni iru laŭ la sago, tiel rapide, kiel ni povos, kaj baldaŭ jen ni staras antaŭ la konstruaĵo (Urba Normala Lernejo), kie oni tuj akceptos nin. (« LA MOVADO »).

LA « SEPO POR LA DUDEKA ».

Ni prezentos al niaj legantoj en la hierarhia ordo, laŭ kiu iliaj nomoj estas citataj sur la kongreskarto la membrojn de la L. K. K.

Unue : la prezidanto, S-ro Oscar Van Schoor, apotekisto, jam membro de la « Sepo por la Sepa » — (niaj malnovaj amikoj memoros pri la fakto ke la L. K. K. en 1911 konsistis el sep membroj, kaj tial nomiĝis « la Sepo por la Sepa (kongreso) »), gajviva kunulo, kiu je ĉio, kion oni diras, trovas humorplenan respondon, kaj zorgos, ke ĉe plendoj, la plendinto foriru ridante. Ni vidis lin en tiu vespera duonlumo, estis jam longe post la oficiala fermo de la oficejoj, kun silka nigra somervesto; sur la kapo, bruna ĉapo, kaj en la mano ŝlosilaro, kiun li ĵus uzis por fermi ĉiujn pordojn de la akceptejo. Li vokis en nian spiriton bildon de iu bona konservisto de malnova kastelo, kiu antaŭ ol enlitiĝi faris lastan kontroliron tra la domo.

Due, S-ro Frans Schoofs, la laŭ internacia vidpunkto plej bone konata kaj sindona amiko, ĝenerala sekretario de K. R., prezidanto de Belga Ligo Esperantista, kiun la kongresanoj du tagoj poste nomos prezidanto de la kongreso. En la L. K. K. li plenumis la gravan postenon de ĝenerala sekretario kaj estis en lia domo, ke, kun helpo de multaj

anonimaj fortoj, efektiviĝis la terura laboro, kiun reprezentas la preparo de universala kongreso.

Trie, S-ro Maurice Jaumotte, ĵurnalisto, gazetara sekretario de la L. K. K., prezidanto de la loka grupo « La Verda Stelo » kie inter 400 membroj, leviĝis ĉiuj la kunlaborantoj de la organiza komitato. Li akiros dum la sekvantaj tagoj tre personan sukceson pro la akra voĉo, kiun li metis je la dispono de la gekongresanoj, en ĉiuj okazoj, kiam « laŭtparolilo » aŭ tradukanto estis bezonata.

Kvare, S-ro Marcel Roost, advokato, kiu prizorgis la kunmetadon de la Somera Universitato, kaj kiun oni daŭre ĉiutage kune kun la tri jam cititaj, kaj kun S-ro Vermandere, la kuraĝa estro de la loĝado-fako povis vidi en la akceptejo, prizorgante tiujn ĉiuspecajn aferojn, kiuj nur lastmomente povas esti reguligataj. Tiuj du samideanoj estis kun S-ro Jaumotte jam citita, la tri novaj elementoj en la nova Sepo, — la Sepo por la Dudeka — (feliĉe la organizantoj ne kreis Dudekon por la dudeka) —; la kvar aliaj S-ro Van Schoor, S-ro Schoofs, S-ro Ritschie, direktoro de la urba oficistaro kaj S-ino Elworthy-Posenaer estis efektive jam membroj de la L. K. K. de 1911. (« ESPERANTO »).

### TEĤNIKA ARANĜO DE LA AKCEPTEJO.

Jen la Sepo prezentita. Faru ni ankoraŭ rapide, antaŭ ol ni iru al nia hotelo, malgrandan rondiron en la domo. Kun antaŭ ni S-ro Van Schoor kaj liaj ŝlosiloj, ni iris al la oficejoj, tra la koridoro kaj tra vasta korto, — ludkorto por lernantoj —; la akceptejo estas ja aranĝata en la normala lernejo por estontaj instruistoj.

Tiu oficejo estas granda rektangula salono, ege pura hela, kun blankaj novpentritaj muroj kaj grandaj fenestrotruoj, kiuj enlasas, je tiu ĉi momento, lastan sunoradion.

Granda hufoforma tablaro, kun luksa verda tapiŝo laŭiras tri el la kvar muroj de la salono. Malantaŭ la tabloj staros morgaŭ kaj postmorgaŭ kaj dum la tuta daŭro de la festoj, bonvolaj sinjoroj kaj precipe afablaj samideaninoj, pretaj fari servojn multnombrajn al la alvenontaj gekongresanoj, kaj pri kiuj ni spertos dum la kongrestagoj ke krom servemeco kaj afableco ili posedas ankaŭ bonegan konon de nia lingvo.

Ankoraŭ pli malantaŭe, preskaŭ apud la muroj, deko da tabuloj lernejaj, staras sur kiuj, dum la kongreso, oni enskribos la diversajn komunikojn, kiuj interesas la partoprenantojn kaj kiuj estos do, kiel ligilo inter la L. K. K. kaj la kongresanoj.

Kelkaj palmarboj kaj kreskaĵoj, ankoraŭ pliallogigas la tutan aspekton de tiu salono, flanke de kiu estas alia pli malgranda ĉambro, kie, unu apud la alia estas organizataj speciala poŝt- kaj bankoficejoj, kie Esperanton scipovantaj oficistoj faciligos al la fremduloj, la diversajn operaciojn monsanĝajn kaj poŝtajn.

Flanke ankoraŭ salono, grandaspekta kun multaj tabloj, kun skribmaterialo, kie oni povas sidiĝi, kiam oni volas skribi kaj forsendi poŝtkartojn, kaj en la fundo de la salono sur kelkaj el la tabloj : skrib-

# LA LOKA KONGRESA KOMITATO



OSCAR VAN SCHOOR
Prezidanto
(Vicprezidanto de la Kongreso)



FRANS SCHOOFS
Ĝenerala Sekretario
(Prezidanto de la Kongreso)



MAURICE JAUMOTTE
Gazetara Sekretario
(Generala Sekretario de la Kongreso)

# DE LA DUDEKA EN ANTVERPENO



GUSTAVE VERMANDERE
Estro de la Loĝfako
(Sekretario de la Kongreso)



MARCEL ROOST
Gvidanto de la Somera Universitato
(Ĝenerala Sekretario de la Kongreso)



L. RITSCHIE
Konsilanto
(Sekretario de la Kongreso)



S-ino ELWORTHY-POSENAER
Konsilantino

maŝinoj, ankaŭ je la dispono de la kongresanoj. La tuto havas same, kiel la granda oficejo ege agrablan ekvidon, kaj estas certe, ke tie la kongresanoj ŝatos resti, kiam nenio sur la programo ilin vokos aliloken... Laŭ tio kion oni komunikos al ni, tiu salono restas malfermita ĝis la 6-a—6 ½ h. vespere. Ĉar ĉiutage estas vespere io vidinda aŭ aŭdinda sur la programo, pli malfrua malfermado ne estas necesa, eĉ ne dezirinda. («ESPERANTO»).

## IMPRESO EN LA AKCEPTEJO.

En la Akceptejo ĉio estis lerte aranĝita kaj bone ordigita dekomence; ne okazis ia interpremado, konfuzo aŭ alia akcidento ĉe la akcepto de la kongresaj dokumentoj, kiaj ĉe kelkaj pasintaj kongresoj jam ĉe la alveno kreis malagrablan senton en la koroj de la kongresanoj. La stratoj, en kiuj troviĝis la kongresejoj, estis bone markitaj ĉe la anguloj per malproksimen videblaj flagoj kaj grandaj afiŝoj. Speciale agrable estis la fakto, ke preskaŭ ĉiuj deĵorantoj (fraŭlinoj kaj sinjoroj) en aŭ apud la kongresejoj bone komprenis kaj parolis nian lingvon, precipe la kvindeko da policanoj, kiuj portis facile ekkoneblan signon kun klara surskribo «Esperanto» kaj kies bona scipovo de Esperanto vere surprizis. La policanoj deĵoris ĉie en la urbo, sed precipe en la proksimeco de la kongresejoj. Sekve neniu kongresano povis perdiĝi en tiu urbo, malgraŭ la ioma labirinteco de ĝiaj stratoj kaj stratetoj.

(«HEROLDO DE ESPERANTO»).

## LA KONGRESO DE LA FESTOJ.

Ni rigardu la programon kaj efektive... tiu programo ne lasos al la vizitantoj multe da tempo libera. Dum la tago, antaŭ- kaj posttagmeze, estas regule ĉu kunsido ĝenerala, ĉu parolado en la Somera Universitato, ĉu iu aŭ alia grava faka kunsido, kaj vespere — ne parolu al ni pri la vesperoj! — estas vera orgio de festoj, kiujn la programo anoncas. Se ĉiuj tiuj festoj okazos kaj sukcesos, — ni pensis en ni mem dum ni travidis la Kongreslibron, kiun ni ĉerpis el nia bone plenigita koverto, — Antverpeno iĝos la urbo de la festa kongreso.

Kaj estas pri tiuj festoj, nun, ke ni ilin ĉiujn ĝuis kaj ke ree hejme ni ankoraŭ repensas pri ili, ke ni volas precipe paroli al vi. S-ro Kreuz, ĝenerala sekretario de ICK. certe priparolos en oficiala raporto, la diversajn oficialajn okazintaĵojn. Pri la festoj, li eble nenion aŭ preskaŭ nenion diros. Ni elektu do tiun temon, tio donos al ni la okazon iomete alvoki antaŭ la okulojn de niaj legantoj, la veran spiriton, kiu regis en ni dum la bela semajno kiun ni en Antverpeno pasigis.

(«ESPERANTO»).

## LA INTERKONATIĜA VESPERO.

Vendredon, la 3-an de Aŭgusto, en la Ĝardeno kaj Salono «Harmonie» okazis la Interkonatiĝa Vespero. Post, kiam la polica muzikistaro ludis aron da muzikaĵoj tre aplaŭditaj, S-ro Jaumotte, prezidanto de la grupo «Verda Stelo», esprimis bondezirojn al la Kongresanoj kaj

atentigis ilin pri la sukceso de Esperanto ĉe la antverpenaj policanoj, el kiuj jam sesdek scias Esperanton.

Tiam estis oferdonata de la grupaninoj de « Verda Stelo », al la « Polica Grupo Esperantista », meze de granda entuziasmo, belega standardo el silko brodita de la diritaj grupaninoj. Ĝin prezentis S-ino Jaumotte al S-ro Derweduwen, prezidanto de la polica grupo, dum la orkestro ludis la marŝarion « La Tagiĝo-Espero », de Baranski kaj F. de Ménil, aranĝita de Van der Vreken. S-ro Derweduwen dankis kaj prezentis al S-ino Jaumotte belan bukedon da floroj, kiujn tiu ĉi disdonis inter la sinjorinoj kunlaborintaj por la standardo. Ĉarma gesto, tre aplaŭdita.

S-ro Schoofs gratulis la policanojn en la nomo de Belga Ligo Esperantista kaj de la Loka Kongresa Komitato.

Kaj la tuta polica grupo ekmarŝis, post la nova standardo, tra la ĝardeno, meze de la plej varmaj aplaŭdoj.

Per dancado finiĝis tiu neforgesebla vesperfesto.

(« LA MOVADO »).

## MALFERMO DE LA « SOMERA UNIVERSITATO » KAJ DE LA KONGRESO.

**(Resumojn de paroladoj, ni aparte donos).**

Sabaton antaŭtagmeze okazis en la kunvenejo « Cercle Artistique », la solena malfermo de la « Somera Universitato ». Ege taŭga domo, kiun elektis la L. K. K., kaj kie preskaŭ ĉiuj kunvenoj okazas samtempe kun fakaj kunvenoj. Estas ankaŭ en tiu domo, ke estis organizita de « Belga Esperanto-Instituto » la venda fako, kie dejoris daŭre seso da samideanoj kiuj prezentis la eldonaĵojn de ĉiuj Esperantaj eldonejoj.

Tiu ĉi salono estas lokita en la vera centra parto de la urbo, tute apud la ĉefstrato, kiu kondukas de la relative nova kvartalo de la Centra Stacidomo al la malnova, ĉirkaŭ la Ĉefpreĝejo.

Estis bona ideo de la L. K. K. lokigi la Akceptejon kaj la Kunvenejon, kiel ni diru je la ambaŭ finoj de tiu avenuo centra, tiamaniere, ke ĉiuj Antverpenanoj, kiuj dum la kongressemajno, promenadis en la centro de la urbo, devis vole nevole, vidi kaj revidi dekojn, centojn da brustoj, ornamitaj per la kongres-insigno, kiu, iom granda, tamen aspektis ege arta, kaj estos ankaŭ poste bela rememorigilo pri la Antverpena Kongreso.

Vespere okazis la Solena Malferma Kunsido de la Kongreso. Por tiu ĉi kunsido, kiun la L. K. K. faris kiom eble plej multe publika, ĝi elektis la plej grandan salonegon de la urbo, tiun de la Zoologia Ĝardeno, tiel ke, ne nur ĉiuj kongresanoj povis trovi sur la teretaĝo ege bonan lokon, sed ke ankaŭ multaj interesemuloj povis esti invitataj veni kaj aŭdi ĉe la unua kaj la dua etaĝoj.

Pri tiu Zoologia Ĝardeno, diru ni, ke la « Zoo » de Antverpeno posedas ege belan parkon, kaj ke por vivigi ĝin, la estraro imagis krei « membrojn » de la Zoologia Ĝardeno, t. e. pagigi de la altaj klasoj iun

sumon abonan, kiu rajtigas la membrojn de la familio viziti la ĝardenon kaj la kolektojn, kiom ofte ili volas. Por altiri kiom eble plej multe da pagantaj membroj, la estraro de tiu societo organizas je ilia intenco, belajn koncertojn en la ĝardeno kaj en la salonego, kaj oni do povas diri ke la Zoologia Ĝardeno estas en Antverpeno, la renkontejo de la «bela» publiko, kiel en aliaj urboj famaj promenadejoj estas ankaŭ la renkontejo de iu speciala publiko.

La L. K. K. oficiale abonigis por la daŭro de unu semajno ĉiujn gekongresanojn al la Zoologia Ĝardeno, kaj ni kredas, ke el la tuta mono, kiun ĝi elspezis, la sumo tiucele pagita estas plejboncele dediĉita. Tiel efektive la kongresanoj ne plu devis resti por babili en ĉiam nur duonagrabla kunvensalono, sed povis doni, unu al alia, rendevuon en tiu belega ĝardeno, kaj fari tie plej belajn promenadojn. La skribsalono tiamaniere ankoraŭ nur estis la loko, kie, kiom eble plej rapide oni plenumis la ne ĉiam agrablan taskon, sendi al ĉiuj konatuloj, ilustritan poŝtkarton.

Pri la salono, en kiu okazis la Festa Kunsido, ni diros, ke ĝi estis bele, kvankam ege «sobre» ornamita per la flagoj de la diversaj reprezentitaj nacioj.

Specialaĵo de Antverpeno, estis ankaŭ la urbaj tamburistoj, en malnova flandra kostumo, kaj kiuj, per solena tamburado, anoncis la eniron de la estraro sur la scenejon, kaj ankaŭ la finon de ĉiu, eĉ plej malgranda, parolado.

Estas en la salono ankaŭ granda orgeno, sur kiu S-ro Clement D'Hooge ludis dum la kunsido, la «Esperon» kaj la belgan «Nacian Kanton».

Regis, dum la tuta vespero, vento de entuziasmo, kaj je la fino la laŭdaj kaj laŭtaj aplaŭdoj miksiĝis kun la tamburado, kiu salutis la foriron de la eminentuloj de la scenejo. («ESPERANTO»).

## LA DISERVOJ.

Jam sabaton en la ĉefa sinagogo okazis la hebrea diservo. Predikis rektoro F. Saphra el Annaberg en Esperanto. Dimanĉon oni komencis, kiel kutime, per la katolika diservo, kiu okazis en la fama katedralo. Ĝi estas vere impona kaj belega konstruaĵo, kiun oni devas ekkoni vizitante la urbon. Gracia turo de la katedralo estas de ĉie videbla; de sur ĝia supro eksonas ĉiuhore la muziko de multaj sonoriloj kaj sonoriletoj. La prediko de pastro J. Font Giralt el Girona (Hispanujo) temis pri la neceso de la paciĝo de la homaro. En la protestanta preĝejo okazis la prediko de la pastro de Jonge el (Nederlando). Post la diservoj la gekongresanoj kolektiĝis por la manifestacia procesio tra la urbo.

(«POLA ESPERANTISTO»).

## LA PROCESIO TRA LA URBO.

Brilis la suno, sed pezaj nuboj sur la ĉielo klopodis forpeli ĝin. Tamen, ne timante minacantajn obstaklojn (en tiu ĉi kazo la pluvon),

la « gekavaliroj de la Verda Stelo » alvenis grandamase, kvindekope, centope; pli ol milo kunvenis.

Kvazaŭ de si mem formiĝis la procesio — ĉefloke grupo da skoltoj portanta grandan tolan afiŝon kun la vortoj « 20-a Universala Kongreso de Esperanto ». Sekvis orkestro de « Ware Vrienden » en pitoreskaj kostumoj. (1) Poste venis la polica Esperanto-grupo kun sia nova standardo, la kongresa komitato kaj, sinsekve en vicoj po tri, kvar aŭ kvin, la milo kaj duono da kongresanoj el preskaŭ kvardek nacioj, ĉiuj pace intermiksite kaj vigle interparolante. Jam oni rimarkis inter ili multajn naciajn kostumojn. Precipe grandan atenton altiris la grupo de la ĉehoj, kiujn la bonaj Antverpenanoj opiniis — tirolanoj. Jen kiel per Esperanto oni povas lerni etnologion! La « voston » de la procesio formis la standardoj de la diversaj nacioj reprezentitaj en la kongreso. La tuto estis varia kaj multekolora bildo, vera panoramo de popoloj. Kaj certe tiu ĉi procesio faris grandan impreson al la Antverpenanoj. Ĉie ili staris, formante spaliron, el fenestroj ili rigardis, de malproksime alkuris... Kvankam ne en ĉiu lando kaj ne en ĉiu urbo tia manifestacio efikas laŭcele en Antverpeno ĝi plenumis sian celon : propagandi por nia lingvo; kaj ĝi eĉ bone ĝin plenumis.

Tra belaj, larĝaj bulvardoj tra antikvaj, mallarĝaj stratetoj la procesio antaŭen moviĝis al la Granda Placo, kiu kun la impona urbodomo, la mezepokaj gildodomoj kaj la artplena « Brabo »-fontano estas unu el la plej belaj kaj plej interesaj placoj de la mondo. Tie la orkestro ekludis la belgan nacian himnon : « La Brabançonne », kaj, kompreneble, ankaŭ « La Esperon ». (« HEROLDO DE ESPERANTO »).

## LA AKCEPTO EN LA URBODOMO.

Nun en la Urbdomon eniras la speciale invititaj reprezentantoj de la gvidantaj institucioj de la Esperanto-Movado(2). En la belega antikva salonego Leys atendas ilin la urbestro, S-ro Frans Van Cauwelaert kun magistratoj kaj urbkonsilantoj.

S-ro Oscar Van Schoor alparolas ilin en flandra lingvo, prezentante la instituciojn reprezentatajn, kaj esprimante dankojn por la morala kaj efektiva subteno, kiun ne ĉesis doni al nia movado la antverpena urbestraro : unue, okaze de la VII-a Kongreso, kaj nune okaze de la XX-a. Li rediras en Esperanto sian paroladon.

S-ro Frans van Cauwelaert respondas en flandra lingvo. En longa kaj altsenta parolado li diras sian bedaŭron, ke li ne havas la eblecon respondi en Esperanto. Tamen, anime kaj kore, li esprimas la komunecon de siaj sentoj kun tiuj de la Esperantistoj, kiuj batalas por la tre nobla ideo de tutmonda paco kaj interpopola harmonio. Per Esperanto

---

(1) Ankaŭ partoprenis dua muziksocieto nome « De Vrije Antwerpenaren ».

(2) Dum, sur la sonorilaro de la katedralo, S-ro Gebruers ludas «La Esperon ».

pli facile sin konigos en la mondo la malgrandaj popoloj, kiel la belga, precipe laŭ la literatura vidpunkto. « La naciaj kulturoj devas resti nedetrueblaj, sed, sendepende de tio, devas ekestiĝi komuna tuthomara kulturo, kaj tio povas esti efektivigita per Esperanto ». Pro tio, li deziras, ke rapide disvastiĝu la Esperanta movado.

S-ro Jaumotte majstre tradukas en Esperanton tiun belan paroladon, kiun tondre kaj longe aplaŭdas la ĉeestantoj. Ni jam uzis la vorton « majstre » koncerne S-ron Jaumotte. Tiu vorto estas tute ĝusta. La traduko estis tiel perfekte farita, senhezite, preskaŭ sen notoj, ke la urbestro kaj la tuta aŭdantaro estis videble mirigataj.

Apenaŭ finiĝis la tondro de la aplaŭdoj, kiam ekaŭdiĝas nia « vulkana » itala samideano, S-ro Stromboli. En la nomo de la prezidanto de I. C. K., S-ro E. Privat, forestanta, li dankas la urbestraron pro ĝia helpo al nia movado. Kaj nun oni prezentas glason da ĉampano, kiun oni trinkas je la sukceso de Esperanto; poste oni vizitas la belegajn salonegojn de la urbdomo, kie dufoje estis tiel gastame akceptataj membroj de la VII-a kaj membroj de la XX-a Kongreso.

(« LA MOVADO »).

## LA REPREZENTADO DE « HAMLETO ».

Jam du tagoj de la kongreso forpasis, forpasis efektive ege rapide. Ni preskaŭ volus fari riproĉon al la organiza komitato, ĉar ĝi tiom apudigis sur la programo, ke vere oni ne havis ĝis nun la tempon iom libere spiri.

Kaj la lundo denove alportis al ni kunsidojn interesajn kaj gravajn, kaj vespere, en la Granda Flandra Operdomo Reĝa, prezentadon de « Hamleto », de Shakespeare, en la belega traduko de nia formortinta majstro D-ro Zamenhof.

Ni demandis membron de la L. K. K. ĉu estis speciala kialo por la elekto de tiu ĉi teatraĵo eble iom « peza » por kongreso. La respondo estis, ke krom « Kaatje » neniu alia teatraĵo belga estis jam tradukita en nia lingvo, ke plie la belga literaturo estas multe pli pentrema — ni tion vidos, oni diris al ni, pere de bela antologio en du volumoj, kiun la L. K. K. disponigos al ni senpage, ĉu dum ĉu iom post la kongreso — ol teatra. Krom la teatro de Maeterlinck, kies teatrajoj estas malfacile ludeblaj, la belga teatro ne enhavas multajn vere laŭ internacia vidpunkto ludindaj teatraĵojn. Kaj se do oni volis elekti en la internacia literaturo, oni ne pli bonan povis elekti, ol tiun verkon grandaspektan kun bela escenigo, multaj artistoj kaj granda figuracio, heroaj scenoj, kaj tragediaj agoj. Estis samtempe pia rememorigo pri la grandega traduka laboro, kiun, dum sia vivo, efektivigis nia glora majstro.

La reprezentado de « Kaatje », antaŭ 17 jaroj en tiu sama urbo Antverpeno, povis jam esti garantio por la malnovaj sepanoj, ke oni montros al ili ion, kio povos kontentigi la plimulton.

Diru ni, post tiu reprezentado, ke ĝi devis kontentigi ĉiujn. Multaj, kiuj jam vidis « Hamlet » en nacia lingvo en la hejmolando, en grandaj

teatroj, konfesis en kaj ekster la teatro, ke la Esperanta reprezentado estis almenaŭ same bela, kiel la plej gloraj, kiujn ili jam ĉeestis.

La plej granda parto de la sukceso iris kompreneble al la tiom laciga titolrolo Hamleto kiun prenis sur sin la tiom simpatia artisto, S-ro Willem Cauwenberg. Kiel en 1911, estis artisto, kiu pro sia relativa juneco ordinare ne jam plenumas tiom imponajn rolojn en la kutima vivo, kiu kuraĝis preni sur sin tiun gravan taskon, kaj plej tutkore sin dediĉis al la sukcesigo de la tuta afero. Je la fino de la teatrajo, la publiko revokis lin sur la scenejon ĝis dekfoje, kaj kiam li tutsole tie staris, la aplaŭdoj renoviĝis.

Post li, oni tuj devas gratuli S-ron Gustaaf Cauwenberg, patro, estinta direktoro de la Flandra Reĝa Teatro, kaj kiu prenis sur sin la kunmeton de la « grupo », la ĝeneralan region kaj ankaŭ la ludadon de la malgranda rolo de la spirito.

Ĉe la virinaj roloj akiris la plej grandan sukceson F-ino Corry Lievens, tutĉarma aperajo, kiu, per bone studita ludado, per nuacita voĉo, per agrabla kantado kaj per zorgita mimiko en la freneziĝa sceno igis la publikon aplaŭdi meze de la teatraĵo.

Post tiuj tri plej meritoplenaj artistoj, oni povas citi en unu fojo, S-ron De Waegenaere, la nuran efektivan Esperantiston de la tuta grupo; S-inon Emma Koch, reĝino de Danujo ; Marcel Cauwenberg, filo de Polonio; Paul Bury, Polonio, kaj ĉiujn la aliajn interpretistojn de la teatraĵo, S-ron Gaston Van der Meulen, David Premsler, Willy Condès, Peeters, Bergers kaj S-inon Meersman-Gallié.

Ĉu ni ankaŭ gratulos S-ron Prager, la sufloron, kompreneble Esperantisto, rumana samideano, kiu dum kelka tempo vivas en Antverpeno, kaj estas membro de « La Verda Stelo » en tiu urbo, kaj kiun oni — tio ne estas riproĉo — ankaŭ kelkfoje aŭdis... suflori...

En ĝia tuto kun la artaj dekoroj kaj la belegaj kostumoj la reprezentado tie multe plaĉis. Ĉio estas efektive prizorgita ĝis en la plej malgrandaj detaloj. Tiu unua ludado en Esperanto de Hamleto vere estas la apoteozo de la Kongreso kaj restos epokfaranta en la historio de nia movado.

Ĉar la L.K.K. volis, ke ĉiuj havu relative bonan lokon ĝi ludigis la teatrajon dufoje, kaj lokigis la gekongresanojn laŭ la enskribnumero. Tio estas imitinda ekzemplo. Tio instigos la Esperantistojn, kiom eble plej rapide enskribigi sin, kaj faciligos do la taskon de la organizantoj. Ni scias, ke la mona flanko estas grava afero en la organizo de kongreso. Ju pli rapide L.K.K. scias kiujn rimedojn ĝi disponos, kaj kiom grandajn salonojn ĝi devos lui, des pli sukcese ĝi povas labori. Ke la L.K.K. de Budapest anoncu de nun saman taktikon.

(« ESPERANTO »).

Tiu prezentado, okazigita dum du vesperoj por ke ĉiuj kongresanoj povu ĝin ĝui, sukcesis bonege. La geaktoroj ne nur bonege prezentis siajn rolojn, sed-tion ni devas speciale mencii kaj substreki- ankaŭ modele

elparolis nian lingvon. Kia diferenco estas inter tiu prezentado kaj la prezentado de « Ginevra » en Ĝenevo dum la XVII-a, kiam la teruraj « zed », « zinjoro » ktp., falantaj de la scenejo, tranĉis ĉiujn eĉ ne tro fundamentofidelajn orelojn de la Esperantistoj. En Antverpeno ni povis plene ĝui la Esperantan teatran prezentadon. Ankoraŭ unu pruvo de praktika apliko de nia lingvo estas donita al la nekredema mondo. Teatro de estonteco — la internacia teatro, ebliganta al ĉiuj homoj ĝuadon de artistaj verkoj, indaj internacian diskonigon — estas nun ankoraŭ en siaj infanaj jaroj. Sed ĝi jam marŝas, ĝi kreskos kaj rapide ni vidos ĝian maturiĝon. La Esperantistaro memoru pri tiu aplikebleco de nia lingvo. Ni aranĝu bonajn teatrajn prezentadojn ne nur dum la universalaj sed ankaŭ dum la naciaj kongresoj. Lokaj grupoj kaj societoj Esperantaj fondu ĉe si amatorajn rondetojn kaj aranĝu de tempo al tempo teatrajn prezentadojn. Bona propagando kaj sukcesa rimedo por plivigligi la internan vivon de la lokaj grupoj.

(« POLA ESPERANTISTO »).

« Afero tre kurioza kaj ege elokventa estas prezentado de «Hamleto» en Esperanto, raportis redaktoro de la antverpena ĵurnalo « Le Matin ». La tragedio de Shakespeare, kiu enhavas ĉiujn specojn de emocio, nenion perdas je la traduko en universala lingvo, kio pruvas, ke la sentoj, la emocioj, la pensoj havas vibrantan vivon en Esperanto. Cetere, ĉe la teatro, la literaturo estas nur rimedo: la celo estas kreado de ĉirkaŭanta influo, de atmosfero, de medio. Rimarkinda estis la prezentado en Esperanto. Entuziasma aŭdantaro, kiu plenigis la Reĝan Flandran Operdomon, montris sian grandan aprobon al la geaktoroj. Ĝi estis triumfa sukceso ». (« LA MOVADO »).

## LA KONCERTO DE NACIA MUZIKO.

En la belega Reĝa Franca Operdomo, okazis do samtempe, kiel la reprezentadoj de « Hamleto », la koncerto de belga muziko, sub la lerta gvidado de S-ro Hugo Lenaerts, orkestra direktoro de la Reĝa Franca Teatro. Oni do vidas, ke la organiza komitato ne preterlasis iajn klopodojn por havi jam de antaŭe la certecon pri tuta kaj plenplena sukceso. Por ili, la estrado de la orkestra direktoro de la Teatro estis tiu certigilo, kaj ni rajtas diri ke la granda sukceso de la koncerto konfirmis la konfidon, kiun la L.K.K. rajtis havi jam de antaŭe.

S-ro Lenaerts tamen apogis sin sur ne multe da helpantoj. Li kunmetis bonan orkestron, varbis la kunlaboron de la ĥora sekcio de la Reĝa Societo « La Wallonie » kaj de unu solista artisto S-ro Ch. Bogaers, fama baritono de la Reĝa Flandra Opero.

Orkestro, ĥoro kaj kantisto aŭdigis siavice muzikon de Jan Blockx, Peter Benoit, Paul Gilson, F. A. Gevaert, César Franck, Grétry, Ch. Radoux, Th. Radoux, Alb. Dupuis, Jos. Jongen kaj por fini la orkestro ankoraŭ ludis plej interesajn partojn el la grande muzikdramo « Charlotte Corday », de Peter Benoit.

S-ro Lenaerts ludigis ĉe la komenco de la koncerto la belgan himnon, kiun ĉiuj ĉeestantoj respektplene aŭskultis.

Je la fino estis la vico al « La Espero », kiun ĉiuj ekstarante kune kantis en entuziasma atmosfero.

Tiel finis en Esperanta apoteozo, tiu ĉi bela koncerto de belga nacia muziko kiu estis por la plimulto el la ĉeestantoj vera revelacio pri la artkonceptoj de la Belgoj, laŭ muzika vidpunkto.

(« ESPERANTO »).

LA BALO.

La internacia balo estis fiksita por la jaŭda tago. Ŝajnas, ke la L.K.K. ricevis pri tiu internacia balo, petojn por ĝin organizi kiom eble plej je la komenco de la Kongreso, por ke ĝi estu ekkoniga vespero, kaj aliajn petojn, por ĝin organizi kiom eble plej malfrue, por ke ĝi estu la « konsakro » de amikecoj jam bone forĝitaj dum la tagoj kune pasigitaj.

Kontentigi ambaŭ petojn estis ege malfacile por la L.K.K. kaj estas ĝenerala sperto, ke kiam oni volas ĉiujn kontentigi oni ordinare malkontentigas ĉiujn.

Kaj ankaŭ en tiu « grava » afero, la L.K.K. trovis solvon. Tute je la komenco de la kongreso, ĝi organizis feston, pri kiu ni jam parolis, kaj kiu havis kiel lastan numeron sur la programo: dancado... Estis la ĝardenfesto organizita de « La Verda Stelo », je l'honoro de la Antverpenaj policistoj Esperantistaj, dum kiuj ĉiuj havis la okazon danci dum duo da horoj. Kaj la internacian balon, ĝi konservis ĝis la antaŭlasta tago

La internacia balo okazis en la sama salonego, kie jam estis organizata la ĝardenfesto, kaj kie Vendredon la plimulto el la kongresanoj kunsidos ĉe festena tablo.

La salono « Harmonie » estas la plej granda urba salono, pri kiu la L.K.K. povis disponi en tiu momento de la jaro. Se iuj do volus eble plendi pri troa malgrandeco de la loko, por 1500 dancemuloj, ili tie tamen devos silenti ĉar la neeblon oni de neniu povas postuli, eĉ ne de L.K.K.

Ni aldonos, ke tiel kiel la salonego aspektas, kun la ĉirkaŭanta parko, kie iuj povis dum sufiĉe longaj momentoj promenadi, kun la kafejo apuda, kun la granda teraso, antaŭ la dancejo, la tuto formis ampleksan ejaron, kiu fine tamen sufiĉis por la bezonoj.

Inter la dancoj, kiuj okazis je la sonoj de duobla muzikstaro, orkestro kaj jazz-bando okazis horegrafiaj evoluoj de ĉarmaj knabinetoj, membrinoj de art-societo de Mehleno. Tiuj knabinetoj venis tutspeciale el sia urbo por agrabligi la dancfeston. Ili estas famaj en tuta Belgujo pro la arteco de siaj evoluadoj, kaj ofte havis la okazon danci je grandaj festoj, kiujn eĉ ĉeestis Ŝia Moŝto la Reĝino Elisabeth de Belgujo.

La Esperantistaro multe aplaŭdis tiujn knabinetojn, post ĉiu el iliaj dancnumeroj.

Kaj denove la ĝenerala dancado rekomenciĝis, ĝis kiam alvenis la horo de la premidisdonado.

La propaganda societo « Antverpeno-Antaŭen » — Ligo de komercistoj kaj personoj kiuj volas sin okupi pri la propagando por Antverpeno — decidis dediĉi al tiu ĉi balo diversajn premiojn, kiuj konsistis el libroj kaj belaj medaloj.

La juĝantaro, kunmetita de artistoj antverpenaj, nomitaj de «Antverpeno-Antaŭen» decidis disdoni premiojn :

1. Al la Brita Esperantista Asocio, kiu sendis la plej grandan nombron de delegitoj al la kongreso (proks. 600); 2. kaj 3. Al S-roj A. Darĵus Nemseĉi, el Persujo, kaj S-ro Bessie L. King, el Nov-Zelando, kiuj havis plej malfacilan vojaĝon ; 4. Al la grupo de Ĉeho-slovakaj gekongresanoj pro la plej bela nacia kostumgrupo; 5. ĝis 8. S-ino Hermina Bertig, el Polujo, F-ino Maria Salinero de los Santos, el Hispanujo, S-ro Walter Currie, el Skotlando, kaj S-ino Alice Sergeant, el Francujo, pro la plej tipaj kostumoj naciaj.

La disdono de la premioj estis okazo por laŭtaj aplaŭdoj je l'honoro de la bele vestitaj kongresanoj kaj sinjoroj.

Kaj je la unua, la oficiala fermhoro devigis ĉiujn iom kontraŭdezire rehejmiĝi. («ESPERANTO»).

Persone mi konstatis, ke nunjare, krom la veraj naciaj kostumoj, ekzistis kelkaj kostumoj tute fantaziaj kaj certe ne konformaj al la nacia vestaro en la lando de la koncernaj gesamideanoj. Oni pripensu, ke niaj kostumfestoj ne estas maskobaloj! Alportu al niaj kongresoj kiel eble plej multajn naciajn kostumojn tiajn, kiajn oni vere portas aŭ portis en via lando aŭ regiono, kaj elektu inter la plej belaj kaj bonkvalitaj, sed fantaziajn kostumojn ŝparu prefere por karnavalo!

Du orkestroj ludis por la danco: unu moderna « jazz »-orkestro kaj unu « malmoderna »; sed la malmoderna, ŝajnas al mi, trovis ĉe la plimulto de la gesamideanoj la pli grandan ŝaton. Kaj vere, eĉ la moderna trafiko kun siaj modernaj bruoj, ĉu belaj, ĉu malbelaj, ne povis ĝis nun fari el ni homojn kun gusto de primitivaj praarbaraj popoloj. Certe, ankaŭ la simfonia « jazz »-orkestro havas siajn belaĵojn (se oni rajtas ilin nomi tiel); certe, por esprimi kelkajn primitivajn aŭ hiperbolajn sentojn, ĝi taŭgas eble pli bone ol nia « malmoderna » muziko; kaj eĉ ĝi povas esti preferinda por la modernaj dancoj kun siaj konvulsiaj movoj; tamen, neniam ĝi atingos la profundecon, la plensonecon de niaj «malmodernaj» orkestroj. Kaj oni povas jam antaŭdiri, ke iutage la violono, la violonĉelo, la harpo, la trumpeto, la fluto tamen denove venkos la banjon kaj la saksofonon, kiuj restos, eble, nur por tute specialaj maloftaj muzikaĵoj.

La dancsalono montris multekoloran, viglan bildon, ĝuste pro ĝia pleneco eĉ pli viglan ol kutime. Sed ankaŭ la ĝardeno estis okupita. Kiam oni foje eniris ĝin por fari malgrandan promeneton, oni povis rimarki, ke niaj junaj gesamideanoj scipovas ne nur danci, sed — en kaŝita anguleto — ankaŭ... amindumi kaj kisi. Sed ne timu, nomojn mi ne citos ! Mi scias silenti. Volonte mi malenvias al vi la plezuron.

Je la 1-a horo oni jam fermis la dancejon. Tio ne estis iu malico flanke de la L.K.K. aŭ de la direkcio de « Harmonie », sed laŭ severa ordono de la polico. Do, oni devis kontentiĝi pri tiu ĉi ordono, kvankam ĝenerale ni ne kutimas, ke oni sendu nin surstraten jam tiel frue dum nia ĉiujara internacia kostumfesto...

(« HEROLDO DE ESPERANTO »).

## LA FESTENO.

La Festeno estis la nura punkto sur la programo de la kongreso, por kiu la L.K.K. estis devigata peti specialan alpagon. Kiel ni jam diris ĉio estis senpaga por la gekongresanoj, prezentadoj en teatroj kaj cetere.

Por la festeno tamen tiuj, kiuj deziris partopreni devis pagi sumon, kiu tamen ne malhelpis al ĝia plena sukceso.

Pli ol 600 kongresanoj efektive sidiĝis vendrede vespere, « kun la piedoj sub la tabloj», kiel oni diras en Antverpeno en tia okazo.

Kaj kion diri pri tiuj tabloj: Ili estis, lukse arangitaj, metitaj en longaj vicoj tra tuta la salono de la « Harmonio », kaj je la fundo de la salono, iom pli alte lokita al la aliaj tabloj: granda honortablo, kie sidis la prezidanto de la Kongreso S-ro Schoofs, cirkaŭita dekstre de S-ino Schoofs, S-ro Warden, S-ro O. Van Schoor, S-ino Jaumotte, S-ro M. Roost, S-ro L. Ritschie, S-ino L. Faes, S-ro L. Cogen, maldekstre de S-ino kaj S-ro Merchant, S-ro Jaumotte, S-ro A. Stromboli, S-ino Elworthy, S-ro G. Vermandere kaj S-ro A. Faes.

La manĝaĵoj estis bone preparitaj kaj la servado per 50 kelneroj plej modele organizita. Bona orkestro ludis dum la tuta daŭro de la festeno. Plej agrabla kaj intima atmosfero regis tiun vesperon, kiu brile fermis la serion de la belaj festoj de la kongressemajno.

Je la fino S-ro Schoofs faris la adiaŭan paroladon. Li dankis al ĉiuj kongresanoj pro ilia multnombra veno, deziris al ili agrablan postkongresan ekskurson kaj bonan hejmenveturadon. Je la nomo de siaj kolegoj de la L.K.K. li certigis ke la kongreso faris la plej grandan kaj plej favoran impreson en la urbo. Li konstatis, ke neniu grava plendo atingis la organizan komitaton. Se estus eĉ iu aŭ alia manketo cetere neniam forigebla en la organizo tiel komplika de Esperanto-Kongreso, oni volu ne tro severe riproĉi. Poste li deziras grandan kuraĝon kaj multe da sukceso al la L.K.K. de la 21-a Kongreso en Budapest.

S-ro Merchant, prezidanto de I.C.K. esprimas sian koran dankon al Gesinjoroj Schoofs, al ĉiuj membroj de la L.K.K. kaj fine al ĉiuj helpantoj kaj helpantinoj, kiuj ebligis la plenumon de la peza programo de la 20-a, kiu certe estas unu el la plej brilaj el la ĝis nun okazintaj kongresoj.

S-ro Mangada el Madrido, tostis je la sukceso de la klopodoj, kiujn faras niaj propagandistoj en la tuta mondo.

S-ro L. Sergeant, el Boulogne-sur-Maro, speciale atentigis pri la grandaj servoj, kiujn plenumis dum la kongressemajno la Antverpenaj policistoj Esperantistaj, kiuj tiel afable kaj bonkore helpis en la plej

diversaj cirkonstancoj. Li instigis ĉiujn partoprenantojn skribe danki pri tio al la Urbestro de Antverpeno. (1)

S-ro Maur. Jaumotte, gazetara Sekretario de L.K.K., tostis al la lokaj ĵurnalistoj, kiuj ĉiam subtenis la klopodojn de la organiza komitato kaj sekvis regule ĉiujn programerojn de la Kongreso.

S-ro Max Néama, je la nomo de la ĵurnalistoj, tre sprite dankis en Esperanto kaj promesis la apogon de siaj kolegoj por la progresigo de nia movado. Poste parolis ankoraŭ S-roj Onnen kaj A. Smit, el Hago.

Tiu belega vespero finiĝis per ludado kaj kantado de « La Espero » kaj de « La Brabançonne ». (« ESPERANTO »).

## FINA VORTO.

La bela urbo de la Sepa, kie antaŭ 17 jaroj la entuziasmigita junularo eljungis le ĉevalojn kaj mem trenis la ĉaron, en kiu sidis la ĉiam modesta Majstro, nun denove gastame akceptis la kavalirojn de Verda Stelo, amase alvenintajn el ĉiuj partoj de la terglobo.

Organizado de Universala Kongreso, kiun partoprenas 1.500 personoj, ne estas afero facila. Ĝi postulas grandegan laboron, multan sperton kaj neelĉerpeblan energion.

Niaj antverpenaj amikoj, certe nun mortlacegaj pro farita laboro, povas esti fieraj pro tio, kion ili faris. La Kongreso estis organizita ĉiurilate modele. Sperta mano estis sentata ĉie, eĉ plej eta detalo de la organizo estis bone prilaborita kaj prizorgita.

Jam antaŭ la Kongreso ĉiuj kongresanoj ricevis specialajn grandajn glumarkojn por la valizoj kun jam surpresitaj nomo kaj adreso de la kongresano (tre grava dum vojaĝo por eviti intermikson aŭ perdon), kovertojn kun surpresita adreso por ke la familianoj povu senpene forsendadi leterojn al la kongresanoj kaj por ke la kongresa poŝto povu rapide leterojn doni al la adresatoj; skoltoj atendis la alvenantojn en la stacidomo kaj kondukis ilin al la kongresejo. Policanoj, parolantaj Esperanton, kun bone videbla ŝildeto « Esperanto » kaj verda stelo multe helpis al la kongresanoj dum iliaj vagadoj tra la urbo. Cetere, la ejojn por ĉiuj kongresaj aranĝoj oni povis ĉiam senpene trovi eĉ sen la policanoj, ĉar je ĉiuj preskaŭ stratanguloj troviĝis grandaj afiŝoj kun esperantlingvaj indikoj de la vojo. Tiuj afiŝoj estis bone rimarkeblaj de malproksime, ĉar ili estis ornamitaj alterne per la Esperanta kaj belga flagoj. La disdonado de kongresaj dokumentoj kaj prizorgado de ĉiuj aliaj aferoj en la kongresa oficejo estis tre rapida kaj bonorda dank' al la sufiĉa deĵorantaro kaj klara divido de la laboro inter ili, indikita je specialaj nigraj tabuloj.

La propaganda signifo de la Dudeka estis tre granda. Unu mil kvincent kongresanoj el kelkdek plej diversaj landoj de ĉiuj kvin mondpartoj estis vivaj kaj nerefuteblaj atestantoj pri la vivanteco kaj

---

(1) Malgraŭ la aplaŭdoj kiuj sekvis la alvokon de S-ro Sergeant, eĉ ne dudek kongresintoj plenumis lian peton.

disvastiĝo de nia lingvo. Nunjare la malproksimaj kaj ekzotikaj landoj estis relative multe reprezentitaj. Krom Japanujo Ĥinujo, kiuj ne estas delonge « novaĵo » dum universalaj kongresoj, estis reprezentitaj i. a. Hindujo, Nova Zelando, Persujo kaj Malezio.

La XX-a purigis la atmosferon. La interna batalo, kiu ekskuis nian movadon dum la lasta tempo, finiĝis. Ĝi estis eble ankaŭ natura signo de pligrandiĝo de nia movado kaj amasiĝo de energio ĉe la Esperantistaro. Nun do ni uzu tiun energion por multe pli bona kaj laŭdinda laboro — por plua almilito de la mondo por nia sankta afero.

La Kongreso finiĝis, nun nin atendas persista, ĉiutaga laborado. Ni ĉiuj estu je niaj postenoj, laborante por la disvastigo de nia kara lingvo.

Ni laboru. (« POLA ESPERANTISTO »).

Por la malnova samideano, Esperanto-Kongreso estas ordinare nur unu plia kongreso, preskaŭ ne diferenca de la antaŭaj. Sed la Dudeka tiun ĉi someron en Antverpeno estis «unika» je multaj rilatoj. Evidentiĝis, per ĉiuj faktoj, ke tre kompetenta Loka Kongresa Komitato zorgis por ke ĉio kunhelpu sukcesigi plenplene tiun ĉi Kongreson kaj ke la tuta urbo estis kunlaborinta al tiu celo.

Ĉiuokaze, se la dudeka ne estis «la» plej bone aranĝita kongreso, mi estas certa, ke neniu el ĝiaj partoprenintoj povos facile rememori pri pli bona. La memoro pri tiu belega kunesto restos ankoraŭ longtempe en ni ĉiuj. (« AMERIKA ESPERANTISTO »).

La XX-a estis sukceso, kaj ni denove esprimas dankojn kaj gratulojn al la L.K.K. Dum unu semajno, Antverpeno estis vere esperantista urbo. Ĉe multaj magazenoj oni vidis anoncilojn en Esperanto, eĉ kelkaj, ekzemple la Societo de l' Gaso, sur la placo de Meir, faris belan ekspozion de Esperantaj libroj kaj gazetoj, kun, meze, la fotografaĵo kaj la busto de la Majstro. Sur multaj monumentoj kaj domoj flirtis la verda standardo. Veturiloj surhavis flagetojn. Sur la stratoj, en la tramoj, ĉie brilis la verda stelo surhavataj de geknaboj ĝis blankharaj homoj.

Kion rezultis de tiu manifestacio? Mi demandis la direktoron de grava antverpena librejo, la librejo « Veritas », kiu faris gravan elmontron de esperantaj libroj kaj gazetoj. Li respondis al mi: « Ĉiufoje, kiam okazas en la urbo iu interesa manifestacio, mi kutimas fari specialan ekspozicion ĉe la montra fenestro de mia magazeno. Nu, tiu elmontro, kiun mi ĵus faris por Esperanto, estas tiu, kiu certe ricevis ĝis nun la plej grandan sukceson. Ĝi devigis min kredi je la vere grava disvastiĝo de la nova progreso. Mi helpos al ĝia propagando ».

Elirante el la magazeno, mi ekvidis unu sinjorinon kaj unu junulinon, verŝajne la patrinon kaj la filinon, haltintajn antaŭ la montra fenestro, kaj mi aŭdis la patrinon dirantan al sia filino, kiu ridetis: 'Jes, bone, ni eniru por aĉeti la gramatikon de Esperanto ».

Estas do espereble, ke la XXa- havos en Antverpeno tre gravan influon por nia movado. Tion jam mi spertis por « La Movado », ĉar

la kelkaj ekzempleroj, kiujn mi deponis ĉe la dirita librejo, estis ĉiuj venditaj. Eble ili estis aĉetitaj pro la bildoj. Sed tiun supozon mi ne diros al la redaktoroj, kompreneble.

Kaj nun nia atento estas turnata al alia punkto sur la tero, al la urbo de la XXI-a, al Budapest. Staras la demanda punkto: ? Ni fidu niajn hungarajn samideanojn, por ke tiu demanda punkto ŝanĝiĝu je admira ekkria punkto ! («LA MOVADO»).

## EKSKURSO AL BRUSELO.

Sabaton matene je la 8-a forveturis ĉiuj kongresanoj per 2 specialaj vagonaroj al Bruselo. Ni tuj diru, ke estis agrabla surprizo por ĉiuj, ke ili ricevis la verturbileton senpage. Akompanis multnombra delegitaro de la Antverpena Polica Grupo Esperantista, kiu ricevis je tiu okazo specialan permeson de la Urbestro porti la uniformon.

La Bruselaj Esperantistoj, sub la direkto de S-ro D-ro P. Kempeneers, gvidis la karavanon tra Bruselo, kies ĉefajn vidindaĵojn ili montris.

Je tagmezo ĉiuj partoprenintoj estis kunigitaj en «Brasserie Flamande» kie okazis komuna tagmanĝo. Tie S-ro Schoofs kaptis la okazon por publike danki S-ron Kempeneers, prez. de la Brusela Grupo Esperantista por lia laboro rilate al la aranĝo de la vizito al Bruselo kaj pro la organizo de la postkongresa ekskurso tra Belgujo, kiun partoprenos pli ol cent kongresanoj.

S-ro Merchant, je la nomo I.C.K. kaj je tiu de ĉiuj kongresanoj adiaŭis kaj dankis ankoraŭ la organizintojn de la 20-a kaj donacis florgarbon al S-ino F. Schoofs, kiu tiel sindone subtenis sian edzon en lia malfacila tasko.

Posttagmeze okazis ekskurso al la bela parko de Tervueren kaj al la tiea Kolonia Muzeo.

Venis tiam la definitiva disiĝo: iuj reiris al Antverpeno, kelkaj sin preparis por la postkongresa ekskurso tra la kongreslando, dum la plej granda parto pretigis siajn valizojn por hejmenveturi, ĉiuj kunportante la plej bonajn rememorojn pri tiu brile sukcesinta mondfesto de la Esperantistoj.

Ni ne forgesu noti ĉi tie ke la urbo Antverpeno donacis al ĉiu kongresano tute senpage bele ilustritan gvidlibreton, grandan planon de la urbo kaj de la haveno, krom ŝipekskurso en tiu belega haveno mem. Novaĵo estis la diversaj akceptoj, kiuj estis faritaj al la diversnaciaj Esperantistoj, ĉu de sia konsulo en Antverpeno ĉu de la tiea nacia klubo. Tiaj akceptoj okazis ĉe la Franca Societo, ĉe S-ro Béliard, prezidanto de la Franca Komerca Ĉambro, ĉe la Brita kolonio, ĉe la Ĉeĥoslovaka konsulo, ĉe la Germana kluba, ĉe la Itala konsulo, ĉe la Nederlanda Societo kaj ĉe la Svisa klubo.

La Loka Kongresa Komitato rajtas esti fiera pro la plenumita laboro kaj la urbo Antverpeno pro la afabla maniero per kiu ĝi akceptis niajn ĉiulandajn samideanojn. («ESPERANTO»).

## NOTO DE LA KUNGLUINTO.

Ĉi supre la leginto trovis plenan raporton faritan de fremdaj samideanoj, pri ĉiuj okazintaĵoj, krom la oficialaj, de la kongreso. Ŝajnas post relegado, ke la tuto de la raporto estas ege favora por nia kongreso, kaj kuraĝiga por la Loka Kongresa Komitato.

Niaj legantoj tamen ne kredu, ke ĉio en tiu ĉi Kongreso plaĉis al ĉiuj revu-skribantoj, kaj aperis do ankaŭ kelkaj kritikoj. Ĉi tiujn ni ekzamenos en proksima numero. M. J.

## DONACO DE « BELGA ANTOLOGIO » AL LA KONGRESANOJ DE LA XX-a.

La Loka Kongresa Komitato konfirmas per tiu ĉi informo, ke la Franca Parto de la « Belga Antologio » estas forsendita al la kongresanoj, kiuj pagis sian kotizon.

La Flandra Parto estas nun presata kaj tuj post pretigo ĝi estos sendata al la samaj kongresanoj. Verŝajne tio povos okazi en la unuaj semajnoj de 1929.

Kelkaj partoprenintoj skribis al ni, ke ili preferus ricevi ĉu la flandran, ĉu la francan parton. Ili bonvolu noti, ke ĉiuj kongresanoj ricevos ambaŭ partojn. La L.K.K. konsideras ke la donaco de tiuj volumoj estos unu el la plej belaj memoraĵoj pri la festoplena 20-a kongreso. Ĝi ankaŭ kredas, ke la prokrasto estas plene kompensata per la pli granda zorgo, kiu povis esti dediĉata al la eldono de la du libroj ol se ĉi tiuj estus aperintaj antaŭ aŭ dum la kongresa semajno.

---

# SESA LISTO DE KONGRESANOJ

1350. F-ino Henriksen Emmy, oficistino, Oslo (Norvegujo).
1351. S-ro Kurjanski Filip vel Fiszel, komerca prokuristo, Bialystok (Polujo).
1352. F-ino Krieger Jeannette, instruistino, 's Gravenhage (Nederl.)
1353. S-ro D-ro phil. Dietterle Johannes, profesoro, Leipzig (Germ.)
1354. F-ino Moelke Martha, intsruistino, Sommerfield (Germ.)
1355. F-ino Savelberg Johanna, Heerlen (Nederlando).
1356. S-ro Frater Leander, profesoro de blinduloj, Limburg (Belgujo).
1357. S-ino Greiser Margarete, Verden (Aller) (Germanujo).
1358. F-ino Bennink Diny, flegistino, Bruselo (Belgujo).
1359. F-ino Destaute Yvonne, Gento (Belgujo).
1360. S-ro Vandevelde Cl., inĝeniero, Gendbrugge apud Gent (Belg.)
1361. F-ino Roxburgh Janet Favard, civil servant, Edinburgh (Skotl.)
1362. S-ro Dauphin Albert, administranto de librejo, Antony (Franc.)
1363. S-ro Krämer Alfred, studkonsilisto, Elberfeld (Germanujo).
1364. S-ro Ronai Arpad, studento, Antverpeno.
1365. S-ro Moreau Asselin Maurice, fabrikisto, Tours (Francujo).
1366. S-ino Moreau Asselin Louise, Tours (Francujo).

1367. F-ino Kall Gertrud, Köln (Germanujo).
1368. S-ino Algrain, Bruges (Belgujo).
1369. F-ino Algrain, Bruges (Belgujo).
1370. F-ino Coucke Madeleine, Gento (Belgujo).
1371. S-ro Lubliner Stefan, jurnalisto, Warszawa (Polujo).
1372. F-ino Dorsinfang Jeanne, direktorino de lernejo, Namur (Belg.)
1373. F-ino Dorsinfang Louise, Namur (Belgujo).
1374. Delegito de Antverpena Poresperanto Propaganda Komitato, Antverpeno (Belgujo).
1375. F-ino Morrens Jeanne, oficistino, Antverpeno (Belgujo).
1376. S-ro Sterkenburg C. G., instruisto, Zutphen (Nederland).
1377. S-ro Edmond Charles H., regulisto de averioj, Welwyn Garden City (Anglujo).
1378. S-ro Wadham Frederick E., bankoficisto, Londono (Anglujo).
1379. F-ino Morris Violet M., oficistino, Londono (Anglujo).
1380. S-ro Coventry William H., ŝipkomizo, Purley (Anglujo).
1381. F-ino Bosman Dorothy, instruistino, Clapton (Anglujo).
1382. S-ro Holmes Henry, ŝtata oficisto, Londono (Anglujo).
1383. S-ino Holmes Nora, Londono (Anglujo).
1384. S-ro Safar Josef, fervojoficisto, Trutnov (Ĉehoslovakujo).
1385. S-ro Lauscher Joseph, Köln-Weiden (Germanujo).
1386. S-ino Cogen-Van Rysselberghe Jenny, muzikverkistino, Ninove (Belgujo).
1387. S-ro Watson Thomas, Coatbridge (Skotlando).
1388. S-ro Feder J., lernej-direktoro, Wien (Aŭstrujo).
1389. F-ino Van der Veken Gaby, oficistino, Wilryck (Belgujo).
1390. F-ino Van der Veken Yvonne, oficistino, Wilryck (Belgujo).
1391. F-ino Van der Veken Germaine, oficistino, Wilryck (Belgujo).
1392. S-ro Okland Nils, instruisto, Rommetveit, Stord (Norvegujo).
1393. F-ino Lek Flora, stenografistino, Borgerhout (Belgujo).
1394. F-ino Kraay Anthonia, Den Haag (Nederlando).
1395. F-ino Kraay Edith, Den Haag (Nederlando).
1396. S-ro Kaplan Boris, oficisto, Antverpeno (Belgujo).
1397. S-ino Fallot, sekretariino, Paris (Francujo).
1398. S-ro Van Winge Nicolas, fabrikanto, Antverpeno (Belgujo).
1399. S-ino Gernsbacher Manja, Köln (Germanujo).
1400. S-ro Robin Fad, advokato, Warszawa (Polujo).
1401. S-ro Lang Alfonso, mehanikisto, Mely-Sablon (Francujo).
1402. S-ro Dinslage Joseph K., privatulo, Londono (Anglujo).
1403. F-ino De Buyser Jeanne, instruistino,Berchem-Antverpeno (Belg.)
1404. Alg. Diamantbewerkersbond, Antverpeno (Belgujo).
1405. S-ino Homsby Elizabeth (Anglujo).
1405. S-ino Homsby Elizabeth, Newcastle on Tyne (Anglujo).
1407. F-ino Pearson Augusta, Kensington (Anglujo).

1408. S-ro Gudmundsson Y. H., kompostisto, Reykjavik (Islando).
1409. S-ro Courtin François, Berchem-Antverpeno (Belgujo).
1410. S-ro Golosov Vladimiro, studento, Warszawa (Polujo).
1411. F-ino Dieckman Th., Recklinghausen (Germanujo).
1412. S-ro Archdeacon Ernest, rentulo, Saint-Cloud (Francujo).
1413. S-ino Young Annie C., Tranent (Skotlando).

---

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO. — Polica Grupo Esperantista.** — Tiu vigla grupo, kiu tiel efike servis al la alilandaj gastoj dum la 20a Kongreso, ne deziris ripozi sur siaj laŭroj: ĝi organizis novajn kursojn, kiuj komenciĝas la 18an kaj la 20an de Septembro. Gvidas ilin S-ro Fr. Schoofs, helpata de S-ro G. Zwaenepoel, la sindona sekretario de la Polica Grupo. 30 policanoj sekvas tiujn novajn lecionojn.

La 27an de Septembro, okaze de manifestacio je la honoro de policanoj kiuj festas sian 25 jaran jubileon profesian, la « Antwerpens Politieverbroedering » akceptis oficiale la standardon prezentitan de nia loka grupa « La Verda Stelo » dum la kongreso al la Ant. Polica Grupo Esp. Ĉeestis tiun feston, S-ro Skabeno H. Le Bon, anstataŭante la urbestron, kaj S-ro urbkonsilanto Jos. Soeten. La prezidanto de la Ĝenerala Polica Societo, S-ro Van Rompaey, post gratulado de la festataj kolegoj, longe paroladis pri la programo de la societo, kaj pritraktante la organizon de la Polica lernejo, li multe insistis pri la ekzemplo starigita de kelkaj jaroj de la Polica Grupo Esper., kiu fakte faris la unuajn klopodojn en la direkto de la intelekta disvastiga laboro inter la policistoj de nia granda havenurbo. — En sia respondo, S-ro Skabeno Le Bon, ne forgesis rekoni la bonan laboran de la gvidantoj de la Esp. grupo. Poste okazis la ceremonio pri la flago. S-ro policoficiro J. Derweduwen, prezentis la standardon al la ĉeestantaro. Li oficiale dankis la membrojn de la grupo « La Verda Stelo » pro ilia honoriga donaco. Li konstatas, ke la Antverpena Polico estas la unua en la tuta mondo, kiu publike marŝis sub la faldoj de Esperanto-flago. Li kaptis ĉi tiun okazon por kore danki liajn helpantojn en la komitato de la Esp. grupo kaj la nunajn profesorojn S-rojn Fr. Schoofs kaj Willy De Schutter. Li ankaŭ honoris la memoron de formortinta S-ro Amatus Van der Biest, kiu donis la unuan kurson al la antverpenaj policanoj antaŭ la 7a Universala Kongreso en 1911. Tiam li transdonis la standardon al la prezidanto de la «Antverpena Polica Frataro» dum la muzikistaro, direktata de S-ro Van der Vreken, ludis energian « Esperon », kiun la tuta ĉeestantaro starante aŭskultis kaj honorsalutis. S-ro Van Rompaey diris bonvenon al la kuraĝaj kolegoj-propagandistoj de la bela lingvo Esperanto kaj konfidas la flagon al la standardportisto S-ro Schrovens. Finis la vicon de la paroladoj S-ro F. Schoofs, prezidanto de la 20a Kongreso kaj de Belga Ligo Esperantista. Kun gratuloj al la jubileantoj

je la nomo de « Verda Stelo », li transdonis la dankojn de la organiza kongreskomitato kaj de la 1500 partoprenintaj kongresanoj pro la bonegaj servoj donitaj al ili de la Esperantistaj policistoj de Antverpeno, kiuj per tio faris unu el la plej efikaj propagandoj en la eksterlando por nia urbo kaj por nia haveno. Li ankaŭ turnis sin al la reprezentantoj de la urbestraro kun tute aparta danko pro ĉiuj subtenoj kaj plifaciligoj, per kiuj ili helpis la laboron de la Komitato de la Polica Grupo, rilate al la organizo de la kursoj, kaj pro ĉiuj specialaj aranĝoj policaj dum la kongressemajno. La festo finiĝis per muzika promenado tra la urbocentro en kiu partoprenis unuafoje la nova Esperanto-flago, kiu gaje flirtis inter la frat-flagoj de la aliaj sekcioj, en kies grupo ĝi aldonas plej helan noton pro siaj belaj, helaj koloroj. La tuta ceremonio meritas honorlokon en la historio ne nur de la Antverpena — sed de la tutmonda Esperanto-movado.

Ni ne forgesu noti ĉi tie, ke la polica gazeto « Ons Streven » enhavis plej entuziasman artikolon pri la polica festo dum la kongreso. El tiu artikolo ni ankaŭ ekscias, ke la artoplena flagstanga ornamaĵo estas donacita de S-ro Skabeno Junes, kiu meritas pro tio dankon kaj laŭdon.

EĤO DE LA KONGRESO. — La 1an de Septembro la Loka kongreskomitato invitis je festeno en la salonoj Van Hellemont, Avenue Van Eyck, la gesamideanojn- ĉiuj membroj de « La Verda Stelo » kaj de la Brusela Grupo Esperantista, kaj la reprezentantojn de la Polica grupo Esperantista, kiuj helpis ĝin en la plenumo de la peza programo ellaborita por agrabligi la restadon en Antverpeno de niaj 1500 alilandaj gekolegoj. Sidis ĉirkaŭ bele ornamita kaj abunde provizita tablo pli ol 50 geamikoj. Je la deserto S-ro Van Schoor Oscar, prezidanto de la L.K.K., aparte laŭdis la grandan laboron liveritan de la ĝenerala sekretario Frans Schoofs, kiu kunmetis la tutan programon de la kongreso kaj dum pli ol unu jaro laboris super la mil kaj unu detaloj kiujn ĝia realigo kuntrenas. Sed tre certe li ne estus atinginta sian celon se li ne estus efike kaj kore subtenita kaj helpita de sia edzino. Al ŝi S-ro Van Schoor, sub entuziasma aplaŭdo de ĉiuj ĉeestantoj, esprimas la dankon plej bonan pro la elmontrita sindonemo, kaj transdonas, kiel memoraĵon, belan Zamenhofan medalon kun speciala dediĉo. Tiam li analizas la grandajn laborojn faritajn de la aliaj membroj de L.K.K.: S-ro Maur. Jaumotte, gazetara sekretario, S-ro Marcel Roost, gvidanto de la 4a Somera Universitato, S-ro Gustave Vermandere, kiu prenis sur sin la pezan taskon de la loĝigo de la kongresanoj, kiu tre certe estas unu el tiuj kiuj prezentas la plej gravajn malfacilaĵojn el la tuta organizo de la kongreso, S-ro Louis Ritschie, kiu okupis sin precipe pri la rilatoj kun la oficialaj estraroj, S-ino M. Elworthy-Posenaer kiu sindone helpis ĉie kie estis bezonate.

Poste S-ro Schoofs citis unu post alia ĉiujn helpintojn kies specialajn servojn li bonhumore rememoras. Li transdonas al ĉiu ekzempleron de la memormedalo arte skulptita de nia samideano Rik Sauter.

S-ro Maurice Jaumotte, prezidanto de la Direktanta Komitato de « La Verda Stelo » konstatas kun fiero kaj ĝojo, ke tiu malnova grupo povis liveri al la L.K.K. la multnombran helpantaron, kiun ĝi bezonis por la bona organizo de la kongreso. Li sin turnis al ĉiuj ĉeestantoj kun danko por la tiel sindone farita laboro kaj ne dubas, ke je kiu ajn proksima okazo li trovos ilin pretaj ree subteni la gvidantojn de nia loka movado. Kaj jam de nun li alvokas ilin al energia laborado por la sukcesigo de la anoncitaj kursoj de la grupo, kies rezultato devas montri, ĉu la ĵus pasinta universala kongreso atingis unu el siaj celoj, t.e. la propagando ĝenerala por Esperanto inter la loka loĝantaro. Longa aplaŭdo montris, ke la partoprenintoj firme intencis kiel eble plej multe eluzi la semojn disjetitajn en la kongresurbo per nia 20a mondfesto.

La vespero daŭris en plej gaja kaj plej amika atmosfero kaj finiĝis per intima dancado.

« LA VERDA STELO » dum la kongrestagoj travivis glorajn tagojn. Se la antaŭ kongreslaboro estis longdaŭra kaj peza, certe tiu dum la kongreso mem estis agrabla. Forflugis tro rapide la tagoj dum kiuj en Antverpeno restadis pli ol 1500 esperantistoj.

Dum la tuta kongresa niaj grupanoj trovis ĉiumomente okazojn por helpi al la alilandaj gesamideanoj, gvidante ilin tra la urbo aŭ konsilante al ili hotelojn aŭ restaŭraciojn.

En Antverpeno, ni estas feliĉaj konstati la belegan rezultaton de la Kongreso. Se tiu rezultato ne perdiĝis estas dank' al la tujaj klopodoj de la estraro de « Verda Stelo » kaj de la ĉiam sindonemaj profesoroj kiuj tuj post la kongreso malfermis novajn kursojn. Jam la 4an de Septembro malfermiĝis la unua por kiu enskribiĝis 78 lernantoj. Estis necese duobligi la kurson kaj la postan semajnon venis ankoraŭ 50 aliaj. Tiel malfermiĝis kvar klasoj.

Sabatan 25an de Aŭgusto okazis la diplomdisdono je l'honoro de la kursanoj de S-ro Prager kiu gvidis la « EKSPRESKURSON » ĵus antaŭ la kongreso. Tiuj lernantoj nur ĉeestis 12 lecionojn kaj akiris la jenajn rezultatojn: Diplomon kun la plej granda merito: S-ro C. Jochem, 98.5 p., S-ro Dewijze, 97 p., S-ro Jan Van Bockel, 96 p., S-ro Gotz, 95 p., F-ino Schellekens, 92,5 p., S-ino Jochem, 91 p., F-ino Vermeerbergen, 90 p.; kun granda merito: S-ro Fonder, 84 p., S-ro Balken, 83,5 p., S-ino De Luyck, 83.5 p., S-ro Verbeke, 83 p., F-ino Jacobs, 81,5 p., S-ro Daems, 81 p., kun merito S-ro Van de Velde, 70 p. Post du semajnoj 16 lernantoj kapabliĝis scii sufiĉe la lingvon por kompreni kaj paroli la lingvon kun alilandaj samideanoj. Speciale laŭdindaj estis la profesoro kaj la lernintoj, kiuj dum 12 sinsekvantaj vesperoj ĉeestis la kurson.

Sabatan 1an de Septembro okazis la Ĝenerala kunveno dum kiu ni ankoraŭ havis la plezuron sciiĝi pri la novaĵoj de diversaj kongresistoj kiuj skribas pri la bone sukcesinta kongreso.

Sabaton 8an ni havis intiman kunvenon dum kiu la novaj membroj,

lernintoj de S-ro Prager konstatis ke en « Verda Stelo » regas bona kaj amika atmosfero.

Sabaton 15an Nia Vic-Prezidanto kaj Profesoro S-ro Schiffer donis al ni klarigojn pri la « Fiŝkaptado ». Amuze kaj interese la paroladisto parole fiŝkaptis kaj sukcesis kapti la atenton de la aŭskultantoj.

Dimanĉon 16an la « Verda Stelo » faris ekskurson al Temsche. La vetero estis bela kaj multe ĝuis la ekskurson ĉiuj partoprenintoj. Estis okazo por iomete ripozi post la laborplenaj tagoj de pretigo de la nova kursa sezono.

Sabaton 22an la Membroj faris la ĉiujaran viziton al Sankta Anna kie estis organizita la tradicia mitulvespermaĝo. Sekvis dancado kaj malfrue oni revenis en Antverpeno.

BRUĜO. — **La 14-an de Aŭgusto** la grupo akceptis la postkongresajn ekskursanojn. F-ino Yvonne Thooris, Delegitino de U.E.A., S-ino Algrain kaj S-ro Poupeye, Vicprezidantino kaj Sekretario de la grupo kun kelkaj aliaj geanoj akceptis la vizitantojn ĉe la stacidomo. F-ino Thooris bonvenigis ilin kaj senkulpigis la grupan prezidanton S-ron Dervaux, malhelpitan pro profesia devo. Tuj poste vizito de la urbo kaj promenado per motorŝipetoj sur la pentrindaj kanaloj dum kiu okazis speciala sonorilarkoncerto kun aŭdado de «La Espero». Poste oni tagmanĝis en la sidejo de la grupo « Hôtel du Cornet d'Or » kie Samideano Verbeke, la hotelmastro, plej bone gastigis la ekskursanojn. Post la tagmanĝo veturado per vaporŝipo al la marhaveno Zeebrugge kie oni vizitis la militmuzeon, kies kreinto, Kolonelo Stinglhamber, per simpatiaj vortoj akceptis la vizitantojn, kiuj havis la agrablan surprizon esti alparolataj esperante de la Sekretariino de la Kolonelo. Post detala vizito de Zeebrugge la ekskursanoj disiris al Blankenberghe kaj Oostende, lasante al la Bruĝaj Samideanoj plej bonan impreson.

BRUSELO. — **Lundon, 6-an de Aŭgusto :** Perfektiga kurso farita de S-ro Somerling.

**Sabaton, 11-an de Aŭgusto :** Akcepto de la kongresanoj en Bruselo. Vizito de la urbo okazis matene sub la gvidado de la Bruselaj grupanoj. Je la 13-a, komuna tagmanĝo en « Brasserie Flamande». Posttagmeze ekskurso el la ĉirkaŭaĵo de Bruselo. La vizito de la kongresanoj estis nepre plej bona propagandrimedo.

**Lundon, 13an de Aŭgusto :** Parolata ĵurnalo.

**Lundon, 20-an de Aŭgusto :** Raporto pri la kongreso.

**Lundon, 27-an de Aŭgusto:** Ĝenerala kunveno.

GENTO. — Kunvenoj okazis regule ĉiumerkrede.

**La 15-an de Aŭgusto:** La grupo akceptis la postkongresajn ekskursanojn kaj montris al ili la ĉefajn vidindaĵojn de la urbo. F-ino Terryn, nia malnova Samideanino, estis plej lerta gvindantino; dankon al ŝi !

KORTRIJK. — La propaganda laboro de la nova grupo plej bone daŭras kaj antaŭvidigas novajn sukcesojn por la venonta vintro.

SANKTA NIKOLAO. — La grupa bicikleta sekcio « Verda Rado » organizis diversajn plene sukcesintajn ekskursojn t. a. al Ronse (Renaix) kie ĝi vizitis S-ron De Boes la estintan prezidanton; al la arbaro de Buggenhout, al la estinta frontlimo, al Panne, k.c. Tiuj ekskursoj havigis novajn anojn al la grupo.

Multaj gemembroj ĉeestis la dudekan kaj partoprenis la propagandan promenadon. La Esperanto-flago flirtis en la urbo dum la kongrestagoj.

TIRLEMONT. — La gvindantoj de la tiea grupo ankaŭ bone laboras por antaŭenirigi nian aferon.

---

# GRATULOJ

Al S-ro Charles De Prins, membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, kiu edziĝis la 5an de Junio kun F-ino Alice Boekstens.

Al S-ro J. Moerenhout, membro de la Genta Grupo, kun F-ino Mauvy, malnova Esperantistino.

Al F-ino Eugénie Colyn, de la grupo « Progreso » en Gento, kun S-ro Deprez.

Al S-ro D-ro Willy Van der Biest, Sekretario de la iama « Sepo por la Sepa », kiu edziĝis la 28an de Junio kun F-ino Mariette Valcke.

Al S-ro Camille Babilon-Frateur, el Visé, komitatano de Belga Ligo Esperantista, kies filo Julien, edziĝis la 7an de Aŭgusto kun F-ino Marie-Louise Caubergһs.

Al S-ro Victor Bolsens ,membro de la grupo « Al Triumfo », el Sankta Nikolao, kiu edziĝis kun F-ino Florine Debbaudt, el Kieldrecht.

Al Gesinjoroj De Clippeleir, anoj de la sama grupo, al kiuj naskiĝis fileto Georges.

Al Gesinjoroj Maurice Boeren-Lamboray, de la grupo « La Verda Stelo », Antverpeno, al kiuj naskiĝis filineto Gabrielle, la 17an de Septembro.

Al Gesinjoroj Victor Hendrix-Colyn, anoj de la Brusela Grupo Esp., al kiuj naskiĝis filineto Elfrida.

Al Gesinjoroj Morris De Ketelaere-Wouters, de la Verda Stelo, Antverpeno, al kiuj naskiĝis filineto Henny, la 9an de Junio.

Al Gesinjoroj Fernand La Gravière-Demarteau, al kiuj naskiĝis fileto Georges, la 12an de Junio.

Al Gesinjoroj R. Van Gerven-Broeck, anoj de « Belga Ligo Esperantista», el Calloo, al kiuj naskiĝis fileto Lieven-Gustaaf.

Al S-ro A. De Baerdemaecker, fondinto kaj prezidanto de la Belga Reĝa Instituto de Stenografio, kaj de la Unuiĝo de l'Belgaj Societoj de Steno-kaj daktilografo, kiu estas nomita, de la franca registaro, kavaliro de la Honora Legio.

Korajn gratulojn al ĉiuj.

# NEKROLOGO

**S-ro Hector Demarteau**, bopatro de S-ro Fernand La Gravière, membro de la « Brusela Grupo Esperantista », mortis la 13an de Junio.

**S-ino Marie Boereboom-Hoenraet**, patrino de F-ino Alice Boereboom, la sindonema komitatanino de la « Bruĝa Grupo Esperantista», mortis la 22an de Junio.

**S-ro Maurice Petiau**, frato de S-ro Henri Petiau, Ĝenerala Sekretario de la Belgo Ligo Esperantista, mortis la 11-an de Aŭgusto.

**S-ro Frans Musters**, patro de S-ino Vaneeckhoudt-Musters, membro de « La Verda Stelo », mortis la 24an de Aŭgusto.

**S-ro Robert Elworthy**, edzo de S-ino Maria Elworthy-Posenaer, membro de la « Sepo por la Sepa» kaj de la L.K.K. de la 20-an Universala Kongreso, mortis la 9an de Septembro.

B.L.E. kaj B.E. prezentas al la funebrantaj gesamideanoj kaj al ilia familio siajn plej sincerajn kondolencajn sentojn.

---




## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.
## BELGA TERRITORIO.

Dum la lasta ĝenerala kunsido de Belga Ligo Esperantista estis raportata pri la stato de U.E.A. en Belgujo. El tiu raporto estas citindaj la jenaj ciferoj: En 1927 estis en nia lando entute 243 membroj, nome 44 simplaj membroj, 195 membro-abonantoj, 2 m.-subtenantoj 2 dumvivaj m., 32 Delegitoj kaj 13 Vicdelegitoj reprezentis la Asocion en 33 lokoj. Belgujo okupis laŭ nombro de la membroj la 13an lokon en la vico de la landoj. En 1925 ĝi havis la 16an lokon kaj en 1926 la 15an. Progresado estas do sentebla kaj tio estas ĝojiga.

De la starigo de la Belga Teritorio de U E A ĉiuj klopodoj celis atingi minimume-normalan membraron de 300. Nu, ni povas konstati, ke tiu nombro estis atingita en 1928! Ni dankas ĉiujn delegitojn, vicdelegitojn kaj membrojn, kiuj plenŭmis tiun belan varbo-laboron, petante ilin daŭrigi ĝin por la jaro 1929.

Tiu jaro komenĉigos la 1. de Novembro, kun abono al la gazeto « Esperanto » dum la kalendara jaro 1929. La kotizoj por Belgujo restis la samaj kiel antaŭe: M. 16 fr., MA. 40,—; MS. 175,—. Kiel antaŭe ĉiu, nova aŭ malnova membro kiu pagas sian kotizon antaŭ novjaro rajtas belan premion. Ni atentigas speciale pri la aparta premio, kiun ricevas ĉiu varbanto de nova ano.

Kiu ne ankoraŭ aliĝis aŭ realiĝis faru tion tuj. Kiu ne ankoraŭ ricevis la liston de la premioj petu ĝin tuj al la delegito de sia loko aŭ al la ĉefdelegito: F. Schoofs, 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno.

---

# LA LINGVO DE LA PACO

**Parolvico 2-a, S-ro X.** **El «De Ster met den Steert» (La Kometo)**
**de René Vermandere.**

Sinjoroj,

Se iu demandus al mi, kial mi estiĝis adepto de Esperanto, mi respondus, ke la du kaŭzoj estas: unue la neklereco de mia patro due la malfeliĉa sorto de mia frato.

Li, kiu donis al mi la vivon, estis homo bonega, spiritriĉa kaj rezonsano, sed nek lukse edukita, nek eksterordinare instruita. Tiel, li ekzemple ne sciis la lingvon de la lando, apud kies limo balanciĝis lia kaj mia luliloj. Kiam li estis marŝinta dum unu horo for el sia lando, li sentis sin tiel mallerta kaj ĝenata kiel iu, kiu ĵus en fremda kontinento elŝipiĝus.

Kaj pripensante tiun strangan situacion mi diris al mi mem: «Ĉu sufiĉas, ke la landoj estas kunigitaj per fadeno kaj relo, per vetur- kaj ŝipvojoj? Ĉu valoras ja la penon, ke ni, ne elvagoniĝante, kapablas fervojiri el kiu ajn ĉefurbo al kiu ajn mondurbo, ĉar la fremduloj kiuj ne komprenas vin, restas tamen, ĉiam egale malproksimaj de vi?

Ĉu la homo rajtas fieri pri la parolo, kaj ĝin nomi la plej trafa pruvo de sia dia deveno kaj supernatura destino?

Ve, li neuzas tiun noblan trezoron, kaj milionoj da homoj vivantaj for je kelkaj minutoj unu de alia, kredas sin apartigitaj per netransirebla barilo.

Internaciaj traktatoj, leĝaj kontraktoj, skribitaj kaj priĵuritaj aliancoj estiĝas inter la popoloj, sed malgraŭ tio, la diversaj registaroj faras nenion por metamorfozi per la enkonduko de helpa lingvo la nun malfidatajn fremdulojn en bonvenigataj samlingvanoj.

Mi iam observis mian fraton dum li estis parolanta kun Turko. Ili komprenis unu la alian bonege, kvankam ili neniam aŭdis unu vorton de la lingvo unu de l'alia, ĉar ambaŭ estis surdmutaj.

Ĉu ne estas neklarigeble kaj bedaŭrinde, mi pripensis, ke por koni tiun mondlingvon — la lingvon de la gesto kaj de l'rigardo — oni devas malhavi la parolon?

Kiun distancon oni povas travojaĝi uzante nur sian propran lingvon?

La Nederlandano, le Greko, la Dano, la Norvego, la Balkano, kiuj forlasis sian malgrandan patrujon, preskaŭ ne plu povas alparoli kiun ajn en sia propra lingvo.

Ne sufiĉas la franca lingvo por travojaĝi Francujon, nek la angla sola por trairi Anglujon. En multaj landoj, precipe en tiuj havantaj malbonan instruadon, la diversaj dialektoj malhelpas, ke oni iru pli malproksimen ol dudek horojn parolante nur unu el la regionaj lingvoj.

Pri tio estas kulpa la granda konfuzo kiu okazis ĉe la turo de la vanteco, kaj oni diras, ke neniu balzamo povas kuraci tiun vundon.

Sed ĉu oni jam provis kiun ajn balzamon. Ĉu oni jam provis tiujn magiajn rimedojn, kiel estas sana rezono, unueco kaj amo ?

Sed ve, same kiel la araneo distilas venenon tie, kie la abelo suĉas mielon, tiel la homo tro ofte uzis la bonon por malbonaj celoj, kaj disforĵetis la donojn de la ĉielo, samtempe kaŭzante sian propran malfeliĉon.

En la greno, kiu devas nutri lin, li distilas la malnoblajn drinkaĵojn, kiuj estingas lian racion, faligas lin en bestecon, pelas lin per la skurĝo de l'eksceso al trofrua morto.

Li surprize kaptis la misteron de la premebleco de l'gasoj, kaj utiligis ĝin por krei fulmantan militarmilon, semilon de morto kaj detruo.

Forton li fiuzas por subpremi, belecon li igas efiki kiel delogilo, per la vorto li maskas sian ideon. Eĉ en la parolo, kiu estis donacita al li por realigi la fratecon, li trovas pretekston al disputo kaj malkompreno.

Ne kulpigu min, ke mi deziras detrui la lingvojn, ke mi celas ilian malaperon. Ili estas la plej valoraj juveloj de la tradicia trezoro. La patrujo de la spirito estas difinata de la lingvolimo, ne de iu fosto. La lingvo estas de Dio, kaj la fosto nur de la diplomatoj.

La lingvo estas la ŝipa libro de l'popoloj rakontanta ilian mallertan veladon tra la jarcentoj. Al la serĉulo ĝi montras naive simple, ĝi notis per rudaj enhavoj ĉion, kio mirigis kaj skuis la homaron, ĉion, kion ĝi malamis kaj amis. Ĝi portas la postsignojn de la supren- kaj malsupreniĝo de l'popoloj, de ilia gloro kaj falo.

Prave oni atestas, ke la lingvo estas la popolo mem. En la lingvo de unu gento kuŝas la plej antikva dokumento de ĝia historio, la plej laŭta publikiĝo de ĝia ekzisto, la plej formala pruvo de ĝia nedependeco.

Estas la plej fortika, la plej profunda radiko per kiu ĝi plantiĝas en la historio. La lingvo donis saman rekonvorton al la defendantoj de l'patrujo.

Ĝi estas la kordo ĉiam kunvibrinta kun la emocioj, kiuj iam tuŝis la popolan senton, nun suprenirante al la amo, poste malsuprenirante ĝis la malamo.

La poeto kantis per ĝiaj sonoj la arion de la lando, kaj la dolĉa promeso de fidela amo ĵuriĝis per ĝia parolo. En ĝia vorto murmuras la alvokoj al ĉiuj dioj iam adoritaj de la popolo, resonas ĝia militkanto, sibletranĉas ĝia vekrio. Preskaŭ tute forviŝita, kvankam enigmiĝinta, ĝi konservas la historion de popola lukto kaj sufero. La aspekto de l'patruja grundo, la kvalitoj kaj malbonaĵoj de ĝia spirito, kuŝas en la sonoj per kiuj la popolo tradukis sian koron kaj montris siajn sentojn.

Sub la influo kaj impreso, kun la spirito kaj la inspiro de tiu sama lingvo, la prapatroj leviĝis kaj formigris, honoris la gepatrojn kaj karesis la infanojn, pene portis sian parton de la ŝarĝo kiun la suferanta homaro trenas tra la jarcentoj. Kvankam el cent generacioj ne restas

pli ol manpleno da cindro, tamen ankoraŭ vivas ilia lingvo, ilia vorto estas ankoraŭ nia. Ĝi bruligas en niaj brustoj ankoraŭ tiun saman flamon, kiu en la prapatraj brustoj estingiĝis jam antaŭ mil jaroj. La popolo ne povas honori pli estimindan relikvion sur la altaro de ŝiaj hejmo-dioj.

Tiu, kiu pretendas ami sian patrujon sed malŝatas ĝian lingvon, estas senkorulo, kiu ne kalkulas la amon al la patrino inter la infanaj devoj.

Se mi dankas la Donanton de ĉiuj donoj pro la lingvo en kiu mia patrino min instruis paroli, kaj kiu portas prave ŝian nomon, oni ne povas kaŝi tamen ke la diferenco de lingvo inter la popoloj estas la plej granda preteksto al malamo kaj milito. Tiuj, kiuj havis profiton pro la daŭrado de iu milito, bone konsciis tion. Tiel, la beno, per malico kaj malbona volo, degeneris en malbeno. La amo al la lulilejo, la sindonemo al la lingvo, kiu malfermis ilian menson, estas fiuzitaj de la granduloj por la divido de la gentoj, por kreskigi inter ili la jaluzon, la vantecon kaj la sangavidon.

La diferenco de lingvo servis ĉiujn malvirtojn: arogantecon, fanatikecon, avidecon, malamon kaj venĝemon.

La mensogo trovis en ĝi fortan rimedon por semi la kalumnion, por prezenti, kiel monstrojn de senkoreco kaj murdemo, homojn, kiuj deziras nur plugi en paco.

Dio pardonas al la simplulo, kiu, falĉante la vivojn, perdas sian propran, kaj delogite de mensogo kaj hipokriteco, pensis morti por altaro kaj hejmo.

Ho, trans la landlimo staris alia iu, kiu imagis al si la samon. Ambaŭ ne sciis kion ili faris, kiel tiuj aliaj soldatoj ĉe la kruco, kiuj mokis la nekomprenitan vorton de l'angoro dia.

Sed ve ilin, kiuj fiuzis la diferencon de lingvo kiel pretekston por eksciti popolojn al murdo la unu de l'alia. Ili nomis la militon necesa, kaj la rajtojn de tiu moloĥo sanktaj. Ili oferis al sia malica agaĉo la ennaskitan emon al paco kaj kompreno, gravuritan en la ne jam trompita kaj delogita homa menso preskaŭ tiel profunde kiel la koncepto de la vivorajto.

Tiu kiu donacis al ĉiu homo la rimedon, kompreni ĉiun alian homon, pere de komuna helpa lingvo, pli bone servis la interpopolan pacon, multe pli efikis por la kompreno inter ĉiuj infanoj de Dio, ol tiu kies kuraĝo kaj maltimo kapablis kunigi ĉiujn landojn de la mondo sub unu sceptron.

Oni elektu malvivan lingvon, tio estas kelkfoje predikita, — sed kiel elterigi kadavron por korpigi idealon de vivo kaj amo?

Kial bazi la entuziasman, sindoneman estontecon sur la mortinta tago?

Kaj uzi vivan lingvon?

Supozante ke oni elektu la francan, en kiu jarcento, ni povus atendi la aliĝon de Germanujo?

Kial ne uzi la okazon por fundamenti la novan lingvon sur racio kaj logiko? Neniu viva, nek iu mortinta lingvo, povas glori pri tiuj kvalitoj.

La nova vorto, la nova esprimo, spruĉas vivante freŝaj el la popola koro, kiel la fluidiĝinta neĝo ekŝaumas el inter la rokoj. Kiel la rivero ili fluis laŭ kurbaj kaj malrektaj vojoj al la lingva maro. Tio donis al la lingvo sangon kaj nervon, sed tute ne helpis por faciligi ĝian lernadon, nek pligrandigi ĝian uzeblecon kiel monda lingvo.

Ĉiufoje, kiam nova ideo postulis novan sonon, ĝi estis dirita senartifike, kaj konvena aŭ ne, konfirmita per la uzo. — Plue, en la lingvo kuŝas io naiva, kiu malkaŝas la sovaĝecon la infanecon de ĝia deveno. Ĉiufoje, kiam nova ideo postulis novan sonon, ĝi estis dirita, la lingvo ne estis protektita kontraŭ eluzo, nek kontraŭ fremda influo. La plej baraj popoloj kiuj rilatis kun alia gento kiel aliancanoj,venkitoj aŭ venkintoj, aldonis sian parton al la fremda lingvo kaj prenis el ĝi egalan kvanton.

Atente pripensante la situacion, la lingvoj ŝajnas ĉirkaŭitaj per malfacilaĵoj kiel kelkaj urboj per fortikaĵoj. Estas kvazaŭ la fremdulo timas tiom, ke oni lernu lian lingvon, kiom li timas, ke oni konkiru liajn fortikaĵojn.

Nenio el tio estas vera por la universala lingvo. Mi parolas al konvinkitoj, kiuj scias kiel multe pli facile Esperanto estas lernata ol la plej simpla, la plej racia el la vivantaj lingvoj. Oni komparu la Esperanto-gramatikon al ĉiu alia. Ne okazas en nia helpa lingvo, Sinjoroj,ke la verbo «esti» jam en la estanta tempo aperas laŭ tri diversaj formoj.

La komparo de la diversaj lingvoj montras, ke la diferenco, mi preskaŭ diris, la malamikeco, estas ankoraŭ pli trafanta. Por la Franco ekzemple, la suno estas knabo, por la Germano Sinjorino, por la Brito senseksa estaĵo. Sed la situacio ankoraŭ pli komplikiĝas komparanta Eŭropajn kun Aziaj lingvoj. Unu ekzemplo: Dum ni uzas 26 literojn la Ĉino bezonas 80 mil da ili. Kiel li sukcesas kompreni sin mem malgraŭ la abundo da rimedoj?

Esperanto estas la lingvo de logika formado, de vorttrezoro kaj de kunigoj. Ĉiu superfluaĵo estas evitita. Ekzamenu la simplecon de la verbaj finaĵoj, la komunan finliteron de samspecaj vortoj, la facilan difinon de sekso, la uzon feliĉan de pre-kaj sufiksoj .

Sed mi rapidas loki la aferon sur ĝian veran kampon, flanken-ŝovante ĉiujn motivojn de senfine plimalgranda graveco, por nur priparoli la grandan utilon, la gravecon de la mondlingvo al la amo kaj frateco de la homaro. Evidente, la lingvo ne estas la nura muro kiu dividas kaj apartigas la popolojn, sed ĝi estas tamen unu el la plej altaj. Dezertoj kaj maroj estas tagon post tago pli facile submetataj. La homa genio,

la liberigita serĉemo malgrandigas senĉese la distancon. Nuntempe la altegaj rokoj ne plu haltigas la vagemulon. La scienco trovas facilan vojon trans monto kaj valo,rivero kaj kanalo, metas trans ĉiajn barilojn horizontalan linion, kiu ĉiutage iĝas pli sekura kaj signifas la konkiron de la elementoj.

Kaj ĉu la fremda lingvo restas ĉiam egale neatingebla kaj neracia, tiel nekompatema, stulta, malakceptema, ĉiopotenca kiel dum la tempo kiam akvo, aero kaj fajro kruele torturis la malfeliĉan homaron per malicaj kapricoj kaj incitanta forto? La nekonato, kiu alkuras al vi, restos ĉiam la neamato kvankam li prezentas al vi koron plenan de amikeco kaj deziras al vi senliman bonon.

Ne, lernu paroli lian vorton por bonvenigi lin, profitu la okazon, kiun donas la mondlingvo, kaj li kun fido manĝos vian panon kaj rompos sian kun vi. Kiam la lingvo kunligas vin, la amikeco vin rapide amigos. Vi partoprenos lian ĝojon, konscios pri la sufero sub kiu li kurbiĝas, montros al li kompaton, tiun almozon de l'animo, kiun povas donaci eĉ la plej malriĉa, tiun noblan semon, kiu neniam iu vane disĵetis sur la kampon de l'amo.

Nuntempe multe pli ol iam, la homo staras izolite en la malvastiĝinta, nur unu komunumo iĝinta mondo, en kiun lin pelas senkompate la batalo por la vivo. Mankas al li la zorgemo de la parencaro. la apogo de la najbararo kiu donis al li helpon kaj konsilon, estis por li ekzemplo kaj kontrolo en tiu tempo kiam lia tuta mondo ampleksis en lia vilaĝo.

De kiam la fremdulo iĝis nia kuntablano, de kiam ni estis senĉese pli devigitaj serĉi nian panon en fremda lando ni devus kiom eble plej forlasi tion, kio apartigas nin de tiu kiu devas anstataŭi por unu tago. por kelkaj jaroj, niajn parencojn kaj samurbanojn. La sama helpa lingvo de nun ĉesigu la suferon, kiu envenis en la mondon, kun la lingvo konfuzigo. Dio deziras ja pardoni se la pureco de la intenco montriĝos el la faritaj klopodoj al frateca rilato kaj intima interkompreno.

Kiu disvastigas la mondlingvon, aliĝas al la animoligo, kiun devos progresigi ĉiu homo. Li helpas plenigi profundan fendon de malkonfido, malamikeco kaj fikompreno inter la popoloj. Li donacas al milionoj ŝlosilon, kiu malfermos milionojn da koroj.

Sinjoroj, je la nomo de amo kaj paco, de boneco kaj pli alta idealismo, ni lokas en nian entuziasman spiriton, en la sekuran tabernaklon de nia amo kaj honoro, la mondlingvon apud la propra, la lingvon de nia animo apud tiu de nia devo kaj espero!

**Tradukis Morris De Ketelaere.**

# NIA PROGRESADO

**Esperanto en la servo de l'scienco.** — Samkiel en la antaŭa jaro la Observatorio sur la monto Taten, proksime de Tokio ĵus publikigis sian ampleksan aerologian raporton en Esperanto, por faciligi ĝian legadon en la eksterlando. I.E.S.

**La Universitatoj kaj Esperanto.** — La Universitato de Manchester antaŭ ne longe kun granda sukceso organizis Ferian Esperanto-Kurson kun la helpo de Doktoro Findlay, profesoro de la Universitato de Manchester kaj de S-ro. H. E. Walsh, Lektoro pri Psikologio. Jam en la monato decembro 1927 la Senato de la Universitato de Ĝenevo konfirmis la decidon de sia beletristika fakultato enkonduki instruadon pri la historio kaj la instru-metodoj de Esperanto. Per dekreto de l' 1 decembro 1927 la Ŝtat Konsilantaro de la Respubliko kaj Kantono Ĝenevo vokis Dron. Privat kiel «chargé de cours» por tiu ĉi instruado.

**Instruado kaj Esperanto.** — Ĥinujo. — De post la monato decembro 1927 Esperanto estas enkondukita kiel deviga instruado en la Urba Lernejo por Virinoj en Shanghai. Fakultativa Vesperkurso estas komencita en la angla-ĥina kolegio de la sama urbo. La Laborista Universitato en Kianuaŭ (proksime de Shanghai) jam enkondukis la devigan instruadon de post pli ol 1 jaro. La gimnazio en Putun faris same.

**Hungarlando.** — Pro la 21a Universala Kongreso de Esperanto kiu estas invitita por 1929 al Budapeŝto, la reĝa hungara ministerio de kultoj kaj publika instruado renovigis per dekreto Nro. 15622/928 V.ü.o. de l' 2 marto la permeson instrui Esperanton en ĉiuj mezlernejoj katolikaj por la jaro 1928-29.

**Litovujo.** — La 31 decembro la regiona kunveno de la litovaj instruistoj en Kaiŝiadorial adoptis la sekvantan rezolucion: 1) rekomendi la studon de Esperanto al la tuta instruistaro, 2) subteni kaj disvastigi Esperanto per div. rimedoj, 3) peti la ministron de instruado organizi Esperanto-kurson por popol-instruistoj dum la somer-ferioj.

**Ĉeĥoslovaka Respubliko.** — En la Komerca Lernejo de Hradec-Kralové Esperanto estas instruata, same en la Komerca Akademio de Bratislava. La instruado de Esperanto estas deviga en la Blindul-institutoj Hradĉany kaj Deyl en Prago. Nedeviga kurso estas donita en la Instituto por Blinduloj Klai de la sama urbo. En la Politeknika Alt - Lernejo de Prago Esperanto estas instruata de post 5 jaroj. Per special-dekreto, publikigita en la Oficiala Bulteno de la Ministerio de Publika Instruado (Nro. 1, 1928, 10a Jaro, pĝ. 21) la ministro malfermis enketon pri la esperanto-movado en la ĉeĥoslovakaj lernejoj.

**Jugoslavio.** — La Labor Ĉambro de Novi Sas enkondukis Esperanton kiel nedevigan instru-fakon. I.E.S.

**La franca gazetaro kaj Esperanto.** — Laŭ la ekzemplo de pluraj

teknikaj organoj en ĉiuj landoj la granda monata revuo « Parures », revuo de la mod-industrioj en Parizo, regule publikigas artikolojn en Esperanto. La ĵurnalo « Pax » organo de ekonomio kaj politiko internacia en Parizo, faras same por altiri la atenton de la eksterlando al la celoj, kiujn gi sekvas. I.E.S.

**La aviado kaj Esperanto.** — La direkcio de la Aer-Linioj Farman sub dato de l' 5 decembro 1927 adresis leteron al la Ĝenerala Sekretario de « Ilepto », en kiu ĝi deklaras, ke sole Esperanto kapablas forigi la malfacilaĵojn, kiuj rezultas en la aertrafiko pro la multlingveco. Konsekvence la Kompanio decidis instruigi Esperanto al sia aerveturanta helpantaro.

**Esperanta en Svedlando.** — La Esperanto-movado en Svedlando reprenas rimarkindan aktivecon. Post la specialkurso de Esperanto por la deputitoj de l' parlamento (Riksdag) la Tramvoja Kompanio de Stockholm decidis ĉe la fino de Esperanto-kurso por sia personaro, enkonduki specialan insignon por siaj oficistoj, povantaj servi kiel esperanto-interpretisto. La socialista partio decidis en sia kongreso en Stockholm, de l' 3 - 10 junio 1928, doni sian subtenon al Esperanto, rekomendante ĝian studadon kaj uzadon al ĉiuj membroj. Ĝi poste adoptis dezir-esprimon pri la instruado de Esperanto en ĉiuj lernejoj per Internacia Akordo. I.E.S.

**Reklamo kaj Esperanto.** — Okaze de la 8-a Jarcentfesto de la urbo Graz (Aŭstrio) la Ekspozicia Komitato eldonis prospekton en Esperanto. La Internacia Ekspozicio de Balneologio kaj Turismo en Budapeŝto (Majo-Oktobro 1929) distribuigis sian programon en tiu ĉi lingvo. Kiel plurfoje jam la foiroj de Frankfurto, Leipzig, Lyon, Parizo aperigis faldprospektojn por siaj aranĝoj de 1928. I.E.S.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

NIA NUMERO DE MAJO. — La verkisto de la artikolo pri la Muzeo Plantin, D-ro M. Sabbe, estas la konservisto de la muzeo mem. La aŭtoro de la poeziaĵo « La Bulvardulo » estas la Holanda poeto Geerten Gossaert, pseŭdonimo de G. Gerritson. Legu en la lasta verso «de» anstataŭ « la ».

INTERNACIA LIGO DE PATRINOJ KAJ EDUKISTINOJ POR LA PACO. — La Esperantista Grupo de Bordeaux diskonigas la celon de tiu ligo jene: Igi la militon neebla forigante la malamon. La patrinoj aliĝantaj al la Ligo promesas enradikigi en la spiriton de siaj infanoj: La Amon al la Familio, al la Patrujo, al la Homaro. Ili tiel kunlaboros diskonigi tiun belan kondutmaksimon de Montesquieu :

« Se mi scius ion por mi utilan kaj malutilan por mia familio, mi ĝin forĵetus el mia spirito. Se mi scius ion utilan por mia familio kaj

malutilan por mia patrujo, mi penus ĝin forgesi. — Se mi scius ion utilan por mia patrujo kaj malutilan por Eŭropo kaj la homaro, mi ĝin rigardus kiel krimon».

La sekretariino por fremlandoj estas : S-ino H. Krieg, 38 rue Laharpe, Le Bouscat-Bordeaux (Franclando).

AL LA KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ. — La Brusela « Katolika Esperantista Junulara Asocio » petas ĉiujn gejunulojn katolikajn, sin konigi al la sekretariejo, 34 Avenue Voltaire, Bruselo, por starigo de tutlanda ligo kaj enkonduki Esperanton en la diversajn katolikajn organizajojn. Ĝi ankaŭ speciale petas la sinanoncon de Esp. Pastroj aŭ Seminaristoj. Tuj poste ili ricevos komunikojn pri la agado. La Prezidantino: Elsa Champy, La Sekretariino: J. Thomas.

KALENDAR-REFORMO BLOCHMANN. — Kiu deziras informojn pri tiu propono pri kalendarreformo, sin turnu al la unuiĝo por la akcelado de Kal. reformo Blochmann, Lornsenstr. 24, Kiel (Germanujo).

EN LA KOMERCA FOIRO de Bruselo nunjara, la stenotipo Grandjean (maŝineto por mehanike stenografii ludante per la dek fingroj sur 21-klava klavaro) havis budon propagandan en kiu estis montrata i. a. grandan rubandon paperan surhavantan tekston Esperantan stenotipie skribitan. La eltrovinto de la stenotipo estas jam malnova Esperantisto.

SE VI AŬDAS la vetersciigojn en Esperanto de la Radio-stacioj « Mirag » Dresden kaj Leipzig (ĉiutage krom dimanĉe je 11,45 h. mezeŭropa) sendu aprobon, laŭdon aŭ dankon al : Mirag, Markt 4, Leipzig.

POR SV. FR. 1,50 vi ricevos 10 belajn poŝtkartojn de D-ro Zamenhof kaj S-ri Andreo Ĉe, kaj por Sv. Fr. 0,30: 2 ekzemplerojn de la sveda ŝlosilo de Esperanto, eldonita sub la aŭspicop de I.C.K. Sendu UEA-kuponojn. Eld. Soc. Esperanto, Fako 698, Stockholm I.

## DEZIRAS KORESPONDI.

S-ro J. de Way, Ruiterstraat, 19, Amersfoort, Nederlando. (Ilustr. poŝtk.)

S-ro Paral Francisko, Trhové Sviny u lès, Budějovice, Ĉehoslovakujo.

S-ro B. Jankelevičius, Kauno str. 12, Kedainiai, Litovujo. (Il pk., pm.).

F-ino C. Horne, « West Hill », 60 Cars Green Lane, Dalton, Huddersfield, Anglujo. (angle, france kaj Esperanto).

S-ro Paul Goethals, 77 Beheerstraat, Kortrijk (Belgujo). Leteroj, pk. il., prefere koloritaj, K.ĉ.l., ĉiam respondas.

S-ro Walter Wolf, fervoja asistanto, Brandvorwerkstr. 51--II, Leipzig S. 3. (Pm.).

S-ro Reé Govaerts, Bijlstraat, 9, Borgerhout-Antverpeno, Belgujo. (Let. il. pk., fot., Esperantajoj.)

**Kun vegetaranino katolika**, sana, bonedukita, altkreska (20-30 jara) emas korespondi naturama progresemulo. Proponon (foto resendota) konfide direktu sub « Sunoro » al la redakcio.

S-ro Maur. Pairon, Langeweg 19, Mortsel (apud Antverpeno), kongresano 174, deziras korespondi kun filatelistoj.

## BONHUMORO

VERA SPORTULO. — Instruisto: Kial vi hieraŭ ne estis en la lernejo?

Joĉjo: Mi piedpilkludis en la strato kaj la policanoj arestis min dum 4 horoj.

Instruisto. — Ili tamen donis al vi manĝaĵon, ĉu ne?

Joĉjo. — Jes, bulkon.

Instruisto: Ĉu ĝi estis bona?

Joĉjo. — Mi ne scias, mi piedpilkludis per ĝi.

TERURA INFANO. — Estas tre kruele, Tomĉjo, forŝiri la flugilojn al tiu papilio.

— Tute ne, panjo, mi ĝin transirigis de la Aviadistaro en la Infanterion!

PRI RAPIDECO DE AUTOMOBILOJ. — Tri aŭtomobilistoj estas kulpigataj por tro granda rapideco.

— Mi, diris la unua, mi apenaŭ iris 15 kilometrojn hore.

— Mi, Sinjoro juĝisto, diris la dua, mi tute precize veturis po 9 kilometroj.

— Kaj mi, argumentis la tria, malŝateme rigardante la du aliajn, mi returne veturis!...

## BIBLIOGRAFIO

**PROZO RIDETANTA.** Noveloj originale verkitaj de Raymond Schwarz. Paris 1928. Ĉefa Deponejo: Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris-IX. 176 paĝoj 12,5 x 16,5 cm., 21 spritoplenaj pecetoj verkitaj de nia bonekonata verkisto pariza. Prezo ne montrita.

**JOZEF KAJ LA EDZINO DE POTIFAR, aŭ: IDOJ DE MERKURO KAJ EROSO.** Romano originale en Esperanto de H. J. Bulthuis. Rekomendita de Esp. Literatura Asocio. Du volumoj 188 kaj 200 paĝoj (entute 388 paĝoj) 14 x 21 cm. Broŝurite, ambaŭ volumoj kune kostas sv. fr. 4,—, duontole bindite en unu volumo sv. fr. 6,—. 1926. Eldonis Heroldo de Esperanto. Koeln (Germanujo).

**LANDOJ DE L'FANTAZIO.** Romano en tri partoj, originale verkita en Esperanto de Teo Jung. Kun kvar tutpaĝaj ilustrajoj, titola kaj kovrila bildoj, 328 paĝoj 14 x 19,5 cm. Prezo broŝ. sv. fr. 4.—,

duontole bindite sv. fr. 6,— 1927. Eldonis Heroldo de Esperanto, Koein (Germanujo).

**ILUSTRITA BIBLIOTEKO,** serio I: **Oriento.** La tuta serio (kvin numeroj) kune kostas sv. fk. 2.50, duontole bindite en unu volumo, kun kvar tutpaĝaj ilustraĵoj, sv. fk. 4.50 Unuopaj numeroj kostas po sv. fk. 0.65; ĉiu volumeto enhavas titolan bildon kaj tutpaĝan ilustraĵon. 13 x 19 cm. Jen la titoloj de la unuopaj volumetoj:

**N-roj 1-2. P. W. van den Broek: Devi Angreni, kaj: Mak Miah.** Du rakontoj el Javo. 64 pĝ.

**N-ro 3. M. Ĉ. Kuo: Ribelemaj Virinoj (Uan Caŭ Ĉin).** Moderna hina dramo en du aktoj. El hina lingvo tradukis S. M. Chun. 32 pĝ.

**N-ro 4. Kalidasa: Sakuntala.** Rakonto el la antikva Hindujo. 40 pĝ.

**N-ro 5. Mil kaj Unu Noktoj.** Tri rakontoj el la mondfama fabelkolekto. 32 pĝ.

VORTOJ DE PROFESORO TH. CART. Kolekto de artikoloj kaj ekstraktoj el la diversepoka verkaro de la prezidanto de la Esperanta Akademio, kiuj plej trafe taŭgas por la agado de la nuna Esperantistaro kaj por la fina sukceso de Eperanto. Kolektitaj de S. Grenkamp kaj R. de Lajarte. 144 paĝoj 14,5 x 18,5 cm. Eldonejo « Esperantista Voĉo », Jaslo, Polujo- 1927. Prezo sv. fr. 2,50.

VERTAALDE OEFENINGEN VAN HET ESPERANTO LEERBOEK door G. H. Benink, Onderwijzeres te Almelo. 84 paĝoj 15 x 20 cm. Eldonis Hilarius Boekhandel C. De Jong Jr., Almelo. Prezo Guld. 1,—.

LA EVOLUO DE LA TELEFONIO de Ir. J. R. Isbrücker. Biblioteko Tutmonda, N'oj 21-22. 64 paĝoj 10,5 x 17 cm. 1928. Eldonis Rudolf Mosse, Esperanto-Fako, Berlin. Prezo Rmk. 0,50.

LEHRGANG DES ESPERANTO von Dr. Ing. Ellerbeck. dividita en 20 lecionoj. 80 paĝoj 15 x 21 cm. Eldonis 1928. Verlag van H. S. Hermann & Co, Buchdruckerei G.m.b., H., Berlin SW 19. Prezo: Rmk. 2,20. Ŝlosilo: Rmk. 0,50.

Dr. SAMENHOF'S TASCHENWORTERBUCH Deutsch-Esperanto und Esperanto-Deutsch. Vierte Auflage, vollständig neu bearbeitet von Prof. Paul Christaller u. Lehrer Hermann Böbs. 120 paĝoj 10,5x15,5 cm. trikolonaj. Eldonis Rudolf Mosse, Esperanto-Abteilung, Berlin. Prezo ne montrita.

LA AVENTUROJ DE ROBINSONO KRUSO. Legolibro por geknaboj laŭ Campe, Kompilita de H. J. Bulthuis, LK. 139 paĝoj 15,5 x 22 cm. kun 22 ilustraĵoj. Bele bindita. Prezo Guld. 1,95. Eldonis W. J. Thieme & Co, Zutphen. Tre taŭga por komencantaj Esperantistoj, por kursoj kaj lernejoj.

500 KOMERCAJ FRAZOJ de Robert Kreuz. No 16 de Violets Schulhefte der Handelskorrespondenz. 32 paĝoj 12,5 x 18 cm. Eldonis 1928 Verlag van Wilhelm Violet, Stuttgart. Prezo: sv. fr. 1,—.



# Bronza Medaljono de D-ro Zamenhof

## MENDILO

Mi petas "BELGAN ESPERANTO-INSTITUTON", 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno, havigi al mi .................. ekzemplero.......n de la **bronza medaljono de D-ro Zamenhof,** skulptita de Rik Sauter.

Mi sendas al ĝi sumon de Belgoj ............................(po 9 Belg. ) al poŝtĉeko N° 1689.58 — per poŝtmandato — bankĉeko — monbiletoj en registrita letero.

Nomo ..................................................

Strato ..................................................

Urbo kaj lando : ..................................................

Dato : Subskribo : ..................................................

Al la 100 unuaj mendantoj ni konsentas favorprezon de Belgoj 9.—. Pago al nia postĉekkonto 1689.58 aŭ per bankĉeko aŭ poŝtmandato. Ni publikigos la nomaron de la 100 unuaj mendantoj. Post apero de tiu nomaro la prezo definitiva de la medaljono estos Belgoj 10.—